IX^a jaro. N° 146 (10) ☆ Duonmonata ☆ 5 Junio 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO

*La moralaj kaŭzoj de la militoj*, Norman Angell.

**Socia Vivo:**

*Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj*, Ch. Lesca.
*Nova telefonaparato*, T. Rosengren.
*La mirakloj de la lumo*, Ed. Slavik.
*La socia stato de la turka virino*, M. Schneider.

**Esperantismo:**

*Bileto de blankbarbulo*, Th. Cart.
*Oni Kongresas.* — *Kroniko.*
*Esperantista Kalendaro.*
*Naŭa Universala Kongreso de Esperanto.*
*Diversaĵoj.* — *Tra la gazetaro.*

**U. E. A.**

*Oficiala informilo.* — *Novaj Delegitoj.*
*Praktikaj demandoj.* — *Esperantia Vivo.*
*Esperantia parolejo.* — *Alvokoj.*

NUNTEMPAĴOJ

## La moralaj kaŭzoj de la militoj

IV

La psikologian evolucion de la homa batalado montros resumo de la faktoj, kiuj karakterizis ĝian progresadon.

Kiam mi mortigas kaptiton (la hommanĝado estis karakterizo de la prahistoria homo), estas konforme al la „homa naturo", ke mi lin konservas por manĝi. Tio estas la ekstrema limo de la uzo de l'forto, la plej kruela formo de l'homa individuismo. Sed la kadavro putriĝas antaŭ ol mi povas ĝin konsumi kaj mi restas sen nutraĵo (oni devas rememorigi tiujn realajn malfacilaĵojn de la unuaj homoj, ĉar „la homa naturo ne ŝanĝiĝas").

Sed miaj du najbaroj havas kiel mi mortigitan kaptiton. Kvankam mi povas defendi mian kaptitaĵon, ni juĝas, ke preferinde estus, se je la venonta okazo, ni mortigos nur unu kaptiton samtempe por ĝin dividi inter ni tri. Nenio plu restas por la putreco. Tia estas la plej antikva formo de la forlaso de l'forto por la kunlaborado, la unua malfortigo de la tendenco agi laŭ la unua impulso. Sed kiam la kaptitoj estis manĝitaj kaj kiam oni ne plu havas alian, oni komprenas, ke entute estus pli bone, se oni estus uzinta ilin por ĉasi manĝotajn bestojn aŭ ekstrakti radikojn. La proksimaj kaptitoj do ne plu estos mortigataj (nova limigo de la fizika forto); ili estos nur sklavigataj. Sed komence la sklavoj suferas de malsato; pro siaj suferoj ili ne povas obei. Ili do devos esti pli bone traktataj: nova limigo de la perforto. Ili fariĝas sufiĉe obeemaj. La forto antaŭe uzita kontraŭ la sklavoj estas nun uzata kontraŭ la malamikoj por ke ili ne kaptu la sklavojn — tasko malfacila, ĉar la sklavoj emas ŝanĝi mastrojn. Oni kondutas kun ili pli bone — nova malpliigo de l'forto, plua paŝo al kunlaborado. La sklavoj liveras al ni sian laboron; kompense ni donas al ili nutradon kaj protektadon.

Kun la tempo oni konstatas, ke tiuj gentoj plej prosperas ĉe la milito, en kiuj la sklavoj havas difinitajn rajtojn kaj profitojn. La sklaveco fariĝas servuteco. La nobelo donas la teron kaj sian protektadon, la servutulo liveras la laboron kaj la militservon. Samtempe kun la enkonduko de la mono, la trudo malaperas; la laboristo lupagas, la nobelo pagas siajn soldatojn. Ambaŭflanke estas libera interŝanĝo; la ekonomia forto anstataŭis la fizikan forton. Ju pli oni rezignas la uzon de l'forto, des pli bona estas la rezultato. La tartara ĉefo, kiu perforte kaptas la riĉaĵojn de sia ŝtato ne pagante justan kompensaĵon, baldaŭ ne plu povos kapti ion; la homo rifuzas labori por krei ion, kio neniel profitas al li, tiel ke fine la ĉefo devos turmente mortigi homon por ricevi sensignifan sumon.

Sed dum okazos tiuj ŝanĝoj interne de la grupo aŭ de la gento, la perforto regas inter la diversaj grupoj aŭ gentoj. Tamen, ili emas fariĝi malpli intensaj. En la komenco, se la kapo de aligentano aperis super plektbarilo, la homo primitiva sentis la deziron lin frapi: estas fremdulo, mortigu lin. Pli poste, oni sentis la bezonon lin mortigi nur kiam li militas. Ekzistas pacperiodoj. En la unuaj bataloj *ĉiuj* anoj de la alia gento estas mortigataj: viroj, virinoj kaj infanoj. Regas absoluta perforto kaj batalemo. Sed la uzado de la sklavoj, aŭ kiel laboristoj, aŭ kiel konkubinoj, malfortigas tiun kutimon: alia malpliigo de l'forto. La virinoj de la malamika gento naskas idojn de la venkintoj: malpliigo de la batalemo. Kiam oni denove invadas la malamikan teritorion, oni eltrovas, ke oni povas preni nenion ĉar ĉio estis mortigita aŭ kaptita. Tial, la venontan fojon, la venkanto mortigos nur la ĉefojn (nova limigo) aŭ ilin senigos je iliaj posedaĵoj. (Ekzemplo: la almilito de Anglujo per la Normandoj.)

Ni jam preterpasis la periodon de ekstermado.[1]

La venkinto nur ensorbas la venkiton — aŭ la venkito la venkinton, laŭ via elekto. Neniu batalanto estas manĝota. Je la sekvanta periodo ni eĉ ne plu senbienigos la ĉefojn de la venkitoj — nova forlaso de la fizika forto — ni trudos al ili tributon. Sed la venkinta nacio baldaŭ troviĝas en tia situacio, ke ju pli ĝi premas, des malpli ĝi ricevas. La milito kostas pli multe ol la sumo ricevota post la venko. Tiel okazis pri Hispanujo en hispana Ameriko: ju pli da teritorioj ĝi posedis, des pli ĝi malriĉiĝis. La venkinto, se li estas saĝa, trovas, ke vendejo ekskluzive rezervata al ĝi estas pli profitodona ol milita tributo. Sed por ricevi tiun monopolon oni perdas pli ol oni akiras: oni permesas al la kolonioj elekti propran regadsistemon; nova rezigno de la fortuzo, nova forlaso de l'batalemo. La fina rezultato estas plena forigo de la fizika forto, mutuala kooperado sur la bazo de reciprokaj profitoj, kiu estas la sole ebla agadmaniero kontraŭ fremdaj regnoj.

Je nia epoko la militista forto perdis ĉian influon en la ekonomia kampo, kie ĉiu lando dependas de la prospereco de la najbaroj. Se Anglujo, per la ajn sorĉa rimedo, povus mortigi la fremdulojn, la duono de la angla loĝantaro mortus de malsato. Tio ĉi pruvas la senfundamentecon de la malamikeco kontraŭ la fremduloj. Ĉiu nova progreso de la reciproka dependeco de la partoj (nacioj) de l'organismo (homaro) samtempe montras progreson de la ĝenerala evolucio.

Sed aliaj faktoj estas ankoraŭ konsiderindaj. Se, ekzemple Rusujo insultas Anglujon, Anglujo ne revenĝos mortigante Francojn. Ĝi deziros mortigi Rusojn. Sed se ni estus ĥinaj Bokseroj, estus al ni absolute indiferente mortigi tiun aŭ alian, ĉar tiaj Ĥinoj konsideras ĉiujn fremdulojn kiel „fremdaj diabloj"; iliaj konoj ne permesas al li starigi diferencojn inter la diversaj Eŭropaj nacioj. Se iu ajn naciano maljuste agis kontraŭ negra Kongolandano, tiu ĉi revenĝos al iu ajn blankulo, Germano, Anglo, Franco aŭ Belgo, aŭ eĉ al iu ajn flavulo, Ĥino aŭ Japano. Ju pli kreskas niaj konoj, des pli delikata fariĝas nia sento pri la kolektiva respondeco de la fremdaj grupoj. La malklera kamparano estos kontenta frapi iun ajn fremdulon, ekzemple Germanon anstataŭ Ruso, laŭ la supra ekzemplo. La pli klera homo deziros bati Rusojn; sed se li momenton pripensas, li konstatos, ke la Rusaj kamparanoj neniel estas respondaj. De tiam li celos nur la rusan registaron. Tiam aperas, ke la konflikto tute ne estas inter „Angloj" kaj „Rusoj", sed inter unuflanke ĉiuj Angloj aŭ Rusoj, kiuj respektas la leĝon, kaj aliflanke tiuj, kiuj subtenas la koruptadon, la tiranecon kaj la malkompetentecon.

La internaciaj malamikaĵoj estas ĝenerale kaŭzataj de tiu fakto, ke ni konsideras la fremdan regnon, kun kiu ni konfliktas, kiel ian homogenan tuton havantan la saman respondecon kiel unu individuo. En la realeco la diverseco de la komunaj, materiaj kaj moralaj interesoj, kiuj preterpasas la politikajn landolimojn, malebligas ĉian analogion inter la nacioj kaj la individuoj.

Kie la kooperado inter la diversaj partoj de organismo estas tiel komplika, tie estas neeble fiksi la limojn de komuneco, diri, kie komencas unu kaj kie finiĝas la alia. Certe estas, ke la politikaj limoj ne plu markas la limojn de la komuneco. Se ekzistus nek komuneco de intereso, nek asocio, inter Anglujo kaj la fremdaj regnoj, la duono de la angla loĝantaro ne plu povus vivi. Se kotonrikolto en Louisiana estas malbona, parto de Lancashire suferos de malsato. Pri kelkaj vivdemandoj ekzistas pli intima intereskomuneco inter la angla Lancashire kaj la usona Louisiana, ol inter Lancashire kaj la insuloj Orkney, kiuj apartenas al sama Ŝtato. Pri ĉio rilatanta la socian progreson, estas pli da intimaj rilatoj inter Britujo kaj Usono, ol inter Britujo kaj Bengalo, kiu dependas de la brita registaro. Angla nobelo sentas pli grandan pens- kaj sentintimecon kun kontinenta aristokrato (kun kies filino li edziĝos, ekzemple) ol kun certaj el siaj samlandanoj. Oxford'a profesoro havas pli da komunaj sentoj kun membro se la Franca Akademio ol kun angla kafejaĉestro. En multegaj manieroj la asocio preterpasas la politikajn landolimojn, kiuj estas pure konvenciaj kaj faras el la divido de la Homaro laŭ regnoj absurdaĵon el scienca vidpunkto.

Aliaj faktoroj multe helpis por igi vanaj la teritoriajn almilitojn je la vidpunkto de la homa fiereco. Same kiel en la regiona fako faktoroj specialaj je nia generacio montris la malĝustecon de la analogio inter regnoj kaj individuoj, tiel same aliaj faktoroj ĝin montras en la sentimentala fako. La ano de granda nacio ne estas pli respektata ol la ano de malgranda nacio. Neniu pensos speciale respekti rusan muĵikon, ĉar li apartenas al granda nacio, aŭ malestimi eminentulon de Skandinavio aŭ Belgujo, ĉar li apartenas al malgranda nacio. La homo apartenanta al altaj klasoj de iu lando pli facile edziĝos kun virino de la samaj klasoj en alia lando, ol kun samlanda virino el pli malaltaj klasoj. En la realaĵoj de la ĉiutaga vivo, la imponeco de regno estas malmulte konsiderata.

Kiel en la materia kampo la vera biologia leĝo estas la asociiĝo kaj grupiĝo de samspecaj individuoj por la batalado kontraŭ la malfacilaĵoj de sia medio, tiel same ne ekzistas inter nacioj realaj fizikaj aŭ moralaj malfacilaĵoj, sed nur malsamaj komprenoj pri la vivo. Kvankam la homa naturo ne perdas sian batalemon kaj siajn pasiojn, oni povas observi, ke tiuj psikologiaj ecoj iom post iom celas la realan bataladon, ne plu la artefaritan bataladon. La vetbatalo de la ŝiparoj inter Anglujo kaj Germanujo ne havas signifon. Ne ekzistas neta diferenco inter germanaj komunaj interesoj kaj anglaj. La konflikto en ambaŭ landoj, estas inter demokratio kaj aŭtokratio, aŭ inter socialismo kaj individuismo, aŭ inter reakcio kaj progreso. Jen la vera konflikto. Ĉu la Angloj aŭ la Germanoj venkos, ne helpos la solvon. Kiam la konflikto akriĝos, la germana individuisto konstatos, ke lian liberecon pli minacas la socialisto, ol la angla armeo. La angla nobelo okupiĝos pli multe pri la sociaj reformoj en Anglujo ol pri Germanujo. Kiam li vidos tion, la angla demokrato ekkomprenos, ke la dediĉon de gravaj sumoj por la armadoj kaŭzas la manko de kooperado inter li kaj la demokrato de la malamika nacio. Post tiu paŝo, la kapitalismo kaj la individualismo devos doni al sia internacia organizo pli difinitan formon, en kiu la naciaj diferencoj ne plu ludos rolon. Tiam, la du regnoj komprenos, kiel absurde estas, ke artefaritaj politikaj dividoj (kiuj estos pli kaj pli administraj dividoj, lasantaj ekstere kaj interne liberan kampon por la disvolviĝo de la vera nacieco) povas iel limigi la realajn konfliktojn de la homaro.

Restas kompreneble la demando pri tempo. Tiu evolucio postulus „milojn" aŭ „centojn" da jaroj. Tamen, la reci-

[1] El la ekzameno de la faktoj, sekvas, ke se en ia epoko de la homa evolucio, la milito kaŭzis naturan selektadon, ni de longe preterpasis tiun periodon. Nuntempe, nacion venkitan ni ne ekstermas; ni lasas ĝin kie ĝi estis. Kiam ni venkas „malsuperajn rasojn" ni ne malaperigas ilin; kontraŭe ni enŝprucigas al ili novan vivon, tiel ke la malsupera homraso evoluas pro la venko de la supera raso. Se iam okazas, ke la Aziaj rasoj konkuras kun la blankaj rasoj en la industria aŭ militista fako, tio okazos grandparte dank' al tiuj samaj blankaj rasoj. Aliparte la milito inter preskaŭ egale civilizitaj nacioj kaŭzas la pretervivadon de la malsuperaj elementoj, ĉar ni ne plu ekstermas venkitan rason, sed nur ĝiajn plej bonajn elementojn — la militantojn — kaj ĉar la venkinto same perdas siajn plej bonajn elementojn. La faktoj de la moderna mondo neniel pravigas la teorion laŭ kiu la militpreparado savas la virecon; ĉar tiu preparado necesigas tre artefaritan kazernvivadon, absolute mekanikan dresadon, mekanikajn unuformecon kaj centralizon, kiuj tendencas premi la individuon kaj pligrandigi la emon al centralizita burokratio.

proka dependeco de la diversaj partoj de l'moderna mondo estas fakto nur kvindekjara. Antaŭ unu jarcento Anglujo povus, sen domaĝo, vivi per si mem. Sed ni ne forgesu la leĝon de akcelado. La homo verŝajne devenas el la terciara periodo, t. e. antaŭ tri cent mil jaroj. En certaj rilatoj li pli evoluis en la lastaj du jarcentoj ol en ĉiuj antaŭaj kune. Ni nuntempe vidas pli da ŝanĝoj en dek jaroj, ol antaŭe en dek mil. Kiu povus antaŭvidi la disvolviĝon de sola generacio?

Laŭ *Norman Angell.*
Trad. *A. R.*



## SOCIA VIVO

### Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj

VII

Mexico, ĉirkaŭata de montoj, estas konstruita de Fernando Cortez sur la loko de Tenochtitlan, la urbo de la aztekaj imperiestroj. La vicreĝo de Nova Hispanujo, preskaŭ monarko, havis tiel brilan kortegon kiel la reĝo; tra la stratoj de la urbo, inter la indianoj kaj la kreoloj pasis la kaleŝoj de la nobeloj el Hispanujo. Tial, Mexico konservas ĉiujn allogojn kaj belaĵojn de jarcenta urbo. Loko de multnombraj okazintaĵoj, kiel Lima, ĝi estas plena de rememoraĵoj; ĉe ĉiu paŝo oni renkontas signon de la estinteco. La grandaj placoj, ĉirkaŭataj de pordegoj, la malnovaj stratoj, la antikvaj domoj rakontas la vivon de la kolonio. Jen la flaviĝintaj ŝtonoj de la ĉefpreĝejo kun ĝiaj du turoj en formo de sonoriloj; jen la antikvaj fasadoj de la monaĥejoj kaj preĝejoj, la palacoj kun la vastaj floraj *patios*, la konstruaĵo de la malnova kolegio de San Ildefonso, la unua hispan-amerika universitato kun Lima; jen la malnova *calle de los Plateros,* la strato de la orjuvelistoj, kie, laŭ la angla vojaĝanto Gage, oni en la daŭro de duonhoro povis vidi la valoron de pluraj milionoj en oro, arĝento kaj multekostaj ŝtonoj. Ĝi restis preskaŭ senŝanĝa. La domo de la *azulejos*[1] markas la eniron. Oni pri tiu domo, tre malnova, rakontas trafan anekdoton: filo de riĉulo malŝparis la patran heredaĵon. „Li neniam havos domon de *azulejos*", diris liaj amikoj. Instigita de memestimo, la junulo konstruigis tian domon, kies ĉiuj eksteraj muroj estis vestataj per fajenco ĝis la tegmento.

Guadalupe-Hidalgo, pilgrimloko de la piuloj, sidas flanke de la ĉefurbo. Sub kupolo troviĝas la puto, el kie oni ĉerpas la mirakligan akvon. Por festi tiun dimiraklon, la Hispanoj starigis bazilikon en tia pompa stilo, kiun ili ŝatis uzi por glorigi Dion. Guadalupe plena de vendejoj de religiaj objektoj, similas al ĉiuj pilgrimlokoj, sed la multnombraj indianoj estas plia originalaĵo.

Mexico estas ankaŭ urbo kun larĝaj avenuoj kaj grandaj parkoj. *L'Alameda,* en la centro, projekcias la ombron de siaj jarcentaj arboj, kaj la belega *Paseo de la Reforma* kondukas al parko Chapultepec, kiu estas la plej ĉarma loko el Mexico, rendevuejo de la elegantuloj, kiuj tie promenas ĉiuvespere antaŭ la manĝo. Iafoje la linion de la eŭropaj kaleŝoj rompas kavaliro, striata de oraj kaj arĝentaj pasamentoj, vestata de larĝa ĉapelo superplena de brodaĵoj.

Inter ĉiuj arboj de parko Chapultepec, la plej majesta estas la *ahuehuete,* kiu similas al grandega abio. La *ahuehuete* kaj la *nopal,* kiu estas vario de la kakto, estas arboj, kiuj rememorigas pri du meksikaj legendoj. *El arbol de la noche triste* (la arbo de la malĝoja nokto) sub kiu Fernando Cortez, elpelita de la urbo, pasigis nokton plorante, estas *ahuehuete,* kaj la aztekoj elektis la regionon de Mexiko por tie konstrui sian urbon, ĉar ili vidis belegan aglon, tenantan serpenton, kiu forflugas el *nopal.* Ili kredis vidi la realigon de profetaĵo, kiu ordonis al ili fondi imperion tie, kie ili vidos tiun plantaĵon.

Meze de Chapultepec staras ŝtona monteto, kie troviĝas, ĉirkaŭata de ĝardenoj, la somera restadejo de la Prezidantoj de Meksikujo. Ĝi estas konstruata sur la loko, kiun okupis la palaco de la aztekaj imperiestroj. De la supro de l'monteto oni ekvidas la fruktodonan valon de Mexiko. La formoj de l'pejzaĝo nete desegniĝas tra la seka atmosfero de la altaĵoj. La plugitaj kampoj etendiĝas sur la vasta ebenaĵo ĝis la altaj montoj, kiuj baras la horizonton. Vojoj borderataj de ulmoj kaj poploj kondukas al la ĉefurbo. Norde, oni superas la bazilikon de Guadalupe-Hidalgo; sude, etendiĝas la ĝardenoj de oranĝ-, pom- kaj ĉerizarboj. La agrabla kaj kulturita pejzaĝo forte kontrastas kun la sovaĝa aspekto de la altaj pintoj, kiujn oni ekvidas malproksime. Tie la Popocatepelt, grandega konuso, malfermas sian krateron en la eternaj neĝoj flanke de l'Iztaecihualt, en kiu la Indiana imago vidas la formojn de kuŝanta virino.

La azteka Tenochtitlan staris sur lago; la akvo estas ankoraŭ je kelkaj metroj sub la moderna Mexico. Ĉirkaŭ la urbo ankoraŭ ekzistas lagoj. La lago de Xochimilco estis parte plenigita de artefaritaj insuloj, kiujn ĵetis la Indianoj, tiel ke ĝi nun estas dividata laŭ kanaloj. Nenio estas pli ĉarme pentrinda ol promenado laŭ tiuj kanaloj borderataj de poploj, salikoj kaj altegaj maizplantaĵoj. Iafoje, ĉe la bordo, oni ekvidas vilaĝon, azteka Venezio, kies domoj estas konstruitaj el sekigita ŝlimo subtenata de plektita bambuaranĝo; la akvon sulkigas pirogoj enfositaj en arbotrunkoj; la remistoj, blanke vestitaj, staras lertege. En kelkaj pirogoj, Indianinoj envolvitaj en multkoloraj *zarapes* preparas maizkukojn.

La meksika afableco min kondukis sur la lagon Xochimilco en flora barko simila al la *chinampas* de la Indianoj el la malnova tempo, veraj flosantaj insuloj, kiuj naĝis sur la kanaloj de Mexico.

Apud la ĉefurbo, en la kamparo, staras la piramidoj de San Juan Teotihuacan. El cent kvindek nur du imponas: tiu de la Suno kaj de la Luno. La unua estas klare videbla; oni divenas la formon de la alia, kiu aspektas kiel verda monteto, kie kreskas la nopaloj. La origino de tiuj grandegaj masoj estas, laŭdire, el la Tolteka civilizacio. Ĉiuj tiuj piramidoj evidente montras la lokon de antikva nekroprolo. En la piramido de la Suno oni retrovis maldelikatajn juvelojn, sagojn, graciajn vazojn, gravuritajn kaj skulptitajn ŝtonojn. Kolosaj tigroj, verŝajne simbolaj, engravuritaj en la granito ornamis la bazon.

Vidante tiujn objektojn, oni ekpensas pri la nekonateco de la antikvaj amerikaj civilizacioj. Ĉu aŭtoĥtonoj estis la primitivaj gentoj de tiuj regionoj? Aŭ, kiaj misteraj migradoj trapasis la kontinentojn en la antikvaj tempoj?

Post trapaso en Puebla, la sankta urbo de Meksikujo, la vagonaro min kondukas ĝis Oaxaca. Tiam komencas kvindek-kilometra rajdado tra la nuda meksika kamparo; krom grandegaj kaktoj, nenia alia vegetaĵo. De tempo al tempo, indiana vilaĝo: Tule, Tlacochahuaya, Tlacolula... Kelkaj kajutoj kun muroj el sekigita ŝlimo. Ilin kaŝas altaj palisoj el kaktoj en formo de orgentuboj. La loĝantoj de tiuj mizeraj vilaĝoj estas Tzapotekoj. Grandega estas ilia morala kaj fizika mizero. Viroj kaj virinoj estas en vestaĉoj kaj apenaŭ civilizitaj. Per la hispana lingvo oni malfacile povas sin komprenigi. Sed kia pentrindeco! En Tlacolula, kiu kalkulas kelkajn domojn flanke de Indianaj kajutoj, sur la sunblanka placo estas la foiro. Virinoj envolvitaj en longaj nigraj manteloj kuŝas antaŭ korboj, kaj silente atendas; viroj, kun granda pinta ĉapelo, staras en mikskoloraj grupoj.

[1] Fajencoj ĝenerale bluaj kun floroj aŭ homfigurajoj, per kiuj estis vestataj la muroj de kelkaj loĝejoj de riĉaj hispanoj.

Ĉe la eniro de l'vilaĝo, rabobirdoj avide englutas ĉevalkadavron. En strato de Tule, mi vidas tute nudan infanon. Li portas librojn sub la brako; li revenas el la lernejo! Jen la indianaj ruinoj de Mitla. Interne, vidiĝas ĉambroj, galerioj, kolonoj kaj pordegoj. Oni ankoraŭ vidas restajojn de beletaj freskoj. La spektaklo de tiuj ruinoj rekuraĝigas. Kial la idoj de popolo, kiu estis kapabla altiĝi ĝis tia arto, ne releviĝus sub la influo de la klereco disvastigita? Kial la unueco de la lingvo kaj kulturita nacia sento ne helpus al la gloro de Meksikujo?

*Charles Lesca*

Trad.[1] *A. R.*

## Nova telefonaparato

Nova sveda telefonaparato estas antaŭ ne longe elpensita de nia samideano S-ro C. G. Ekstedt ĉe *Stockholms Elektricitetswerk*. Ĝi estas promesanta eltrovaĵo kun granda konsekvenco por diversaj fakoj. La elpensinto nomas sian aparaton „memparolanta memricevanta telefono". La aparato *Aŭtoreceptor* servos kiel komplemento al la ordinara telefono kaj akceptas la alvenantajn interparolojn, ilin konservante. Kiam du personoj ekzemple volas interparoli en la telefono, la interparolo iras laŭvole en la aŭtoreceptilon, kiu per la uzo de la telefono tuj funkcias, kaj la interparolo estas konservata en la fonografa rulaĵo. Laŭ la sama principo oni enparolas ion en ordinaran fonografon. Kiam oni volas aŭdi alvenintan parolon oni nur anstataŭigas la kovrilon per aŭdilo kaj oni povas aŭskulti ĉion, kio estas sur la rulaĵo. Ĉio estas tre facile farebla, nur momenta afero. Tuj, kiam oni volas havi ion ripetata oni nur ŝanĝas la kovrilon per la aŭdilo, kaj sidas trankvile, aŭskultante la diratajon. Sur la rulaĵo povas pli ol cent ordinaraj interparoloj esti konservataj dum cent jaroj! Oni facile komprenas la gravecon de tia aparato. Supozu, ke mi urĝas kaj atendas telefonan interparolon. Se mi nun havas tian aŭtoreceptilon, mi nur transjetas la kondukilon de la telefono ankaŭ al mia aŭtoreceptilo kaj povas trankvile iri. Ĉar se venas ia interparolo dum mia foresto ĝi estas konservata sur la fonografa rulaĵo, kaj mi povas ĝin poste aŭskulti. Por ke la persono, kies komunikon mi atendas, sciu, ke la aŭtoreceptilo estas ekfunkcionta, li ekaŭdas en *sia* telefono specialan sonon avertantan, ke li povas enparoli la necesan komunikon. Poste mi kiam ajn kaj ĝis pli ol cent jaroj povas aŭskulti la diritan komunikon, parolon k. t. p. Precipe por komercistoj aŭtoreceptilo devas esti multvalora. Ankaŭ por aliaj la aparato estas konvena kaj agrabla. Ĝi donas la eblon aŭskulti kaj scii la personojn, kiuj dum la foresto telefonis. Laŭ la diro de la elpensinto la aparato ankaŭ ne estos kara. Agrabla sciigo! Kiel teknikisto mem mi kompreneble tre interesiĝis pri la aparato kaj volis ĝin koni iom pli detale. Sed pri tio la elpensinto pro klarigebla afero ne konsentis. Mi tamen ricevis permeson ĝin vidi funkcianta. Por pruvi la taŭgecon de la aparato mi interkonsentis pri interparolo per la aŭtoreceptilo. Sed por aŭdi kaj esti tute certa, ĉu la aparato ankaŭ povas akcepti la malsimilajn sonojn de la diversaj lingvoj, mi enparolis la saman tekston en la angla, germana, franca, sveda kaj esperanta lingvoj. La venontan tagon mi faris viziton por aŭskulti la interparolon kaj la tekston, kiun mi enparolis. Estis tre interese! La aparato redonis ĉion tiel bone kaj sufiĉe klare. Estis tre agrable kaj amuze aŭskulti la interparolon. Mi rememoris ĉion. La aŭtoreceptilo bonege funkciis. La plej interesa estis tamen aŭskulti la tekston en la diversaj lingvoj. Ĉiu tono, ĉiu nuanco de la ritmo, de la sono estis ripetita. Mirinde! Mi nur konstatis, ke la aparato eble iom malfacile redonis la sonon (germane) *ü*. Mi kelkfoje povis pensi, ke la sono estis *i*. Sed entute ĉio bonege funkciis. Mi rimarkis interalie ankaŭ gravan econ de la lingvo Esperanto. Ĉiu tono estis ripetata sen ia ajn malfacilo. Klare, tre klare resonis la esperantaj vortoj. Mi rimarkis ankaŭ, ke la intersekvo de la vortoj en Esperanto estis bona. Mi povis tiel facile distingi ĉiujn vortojn kaj aŭdis ilin, ne kiel ian miksaĵon, sed distinge kaj klare. Estas la esperantaj finiĝoj *aj, oj, uj*, kiuj diferencigas la vortojn. Pro tio oni tiel facile *perceptas* la esperantajn vortojn, frazojn, ankaŭ en la aŭtoreceptilo. Estas grava merito por Esperanto. Mi ne diras tion kiel ian „laŭdon" por Esperanto, sed mi nur konstatas la fakton. Ĉiu povas fari la samon. La rulaĵo estas konservita, la teksto, nia interparolo estas reaŭdebla post cent jaroj! Kiu dubas, venu! Li konvinkiĝos ne nur pri la taŭgeco de la ĵus elpensita aparato, sed ankaŭ pri la vero de miaj vortoj, rilate al Esperanto.

La aparato de mi priskribita estas nun ankaŭ patentita, kvankam la elpensinto ne ankoraŭ faris ian kontrakton pri la ekspluato de la aparato. Sed baldaŭ ĝi verŝajne eliros la staton de la eksperimento kaj eniros en la realan vivon.

*Teodor Rosengren* (Stockholm).

## La mirakloj de la lumo

II

Ne ekzistas ankaŭ rimedo pli bona ol la lumo por akceli nesufiĉan kreskon de haroj. Sed tie, kompreneble, kie la harĝermoj jam mortis, oni neniel povas esperi kreskon de haroj.

Por kuraci oni plej multe uzas la alcentrigitan lumon ultraviolan. Sed ankaŭ la disa lumo, kia vidiĝas ĉirkaŭ ni, estas ne sole malamiko de bakterioj, sed ĝia mortiga povo superas ĉiujn antisepsaĵojn. Tiun ĉi efikon de la sunlumo uzas la naturo mem ĉe mempuriĝado de riveroj. Ĉiu rivero fluanta tra urboj kaj precipe tra industriaj urboj, akceptas multegon da bakterioj. Sed per la efiko de la lumo ĉiu rivero, eĉ la plej malpurigita, post kiam ĝia akvo trakuras certan vojon, fariĝas denove utila kaj uzebla. Tiel la akvo de Seine, altgrade malpurigita en Parizo, ricevas denove 70 km post Parizo sian purecon, havitan antaŭ la eniro en la Parizan regionon.

Jen la eksperimento de Provacini en Napoli pri la influo de la lumo je puriĝo de la kanalakvo:

Li plenigis du vitrajn tubetojn, senigitajn je ĉiuj mikroboj, per rivera akvo. Sur unu li ĉirkaŭgluis nigran paperon, farante tiel ĝian enhavon netrairebla por la lumo. Poste li lasis ambaŭ dum 6 horoj en la sunlumo. Jam post duhora efiko de la lumo la bakteriaj kolonioj en la nekovrita tubeto malgrandiĝis. Kiam pasis 6 horoj, preskaŭ ĉiuj bakterioj en la lumhava tubeto malaperis, dum en la alia ilia nombro pligrandiĝis je unu duono.

La lumo estas la plej malkara kaj oportuna malinfektanta rimedo, kaj ĉar multego da nevideblaj malamikoj sub formo de baciloj ĉie insidas kaj atakas nin, ni venkos ilin ordinare per la abunda uzado de la lumo. Eĉ en la tuberkulozaj kraĉaĵoj la 23-30-hora efiko de la lumo mortigas ĉiujn bacilojn.

Kaj nun mi rakontos ankoraŭ pri unu, same tre stranga mistero el la luma regno. La ultraviolaj radioj, mirakle resanigantaj lupuson kaj aliajn malsanojn, radioj tiel belege brunigantaj nin, estas treege malutilaj por la variolo, ĉar ili kaŭzas pusadon, kiu sekvigas cikatrojn, kavetojn.

Se oni do havas hejme malsanulon pro variolo kaj oni deziras, ke li resaniĝu sen la cikatroj, estas necese ŝirmi lin kontraŭ tiuj ultraviolaj radioj. Kaj tion oni atingas sole per tio, ke oni pendigos sur la fenestrojn ruĝajn kurtenojn aŭ duoblan ruĝan silkpaperon. En multaj centoj da okazoj

[1] El *Revue d'Europe et d'Amérique*.

estis pruvite, ke sekve de tio ne venis la periodo de pusado — la plej danĝera kaj doloriga dum la tuta daŭro — ke la temperaturo ne altiĝis, la ŝveliĝo ne okazis kaj la malbeligantaj cikatroj ne kreiĝis. Sed la ruĝa papero aŭ kurteno restu sur fenestroj sen plej malgranda interrompo ĝis la plena sekiĝo de la veziketoj. La variola veneno disvolvas sian difektantan agadon sole dum kunefiko de la ordinara taglumo. Sen ĝi, ĝia povo estas rompita.

Iujn ekzemojn oni kuracas tiel, ke la pacientoj kuŝas sur la sunlumo, kovritaj per ruĝaj vualoj. Homoj nepovantaj toleri la sunlumon — tiaj ekzistas — bezonas portadi ruĝan ombrelon, por sin ŝirmi kontraŭ la ultraviolaj radioj, kiuj sur ilia malsane sentema haŭto, kaŭzas eksciton. Por ke la vojaĝantoj en la tropiklandoj ŝirmu sin kontraŭ la troa efiko de la ĥemiaj radioj, ili enmetas la ruĝan subŝtofon en la vestajon kaj ĉapelojn. Tiu ĉi ĝusta vestmaniero estis trovita taŭga precipe de la angla armea administrejo, kaj de tiu tempo malaperas la oftaj okazoj de la sunfrapo. La ruĝan lumon la moderna medicino uzas profite ankaŭ ĉe la skarlatino, morbilo kaj erizipelo.

Per tiu ĉi artikolo mi igis la leganton ekrigardi novajn eltrovaĵojn en la luma regno, pri kiu jam antaŭ 100 jaroj A. Hufeland skribis en sia libro pri la plilongigado de la homa vivo: „La aero, akvo, varmo kaj lumo estas donacoj de dio kaj gardspiritoj de ĉiuj vivaj estaĵoj. Plej alte estas la lumo, la plej proksima amiko kaj parenco de la homo, havante tiurilate pli gravan influon ol oni kredas.“

D-ro *Ed. Slavik.*

Trad. *Rud. Hromada* (Praha).

## La socia stato de la turkino

II

Certe ankaŭ pri la edukado de la virina sekso oni tre malmulte zorgas. Mi preterlasas Anatolion, kie eĉ la virojn legoskribantajn oni povas kalkuli per fingroj. En ĉefurbo ekzistas sufiĉe da elementaj kaj kelkaj mezgradaj lernejoj por knabinoj, en kiuj grandparte instruas virinoj neniel kompetentaj. Superan edukon turkino neniam povas akiri, ĉar kunedukado eĉ en universitato estas malpermesita, kaj aparta universitato por virinoj certe estas neesperebla. La plej alta eduko por turkino estas lernado en francaj aŭ amerikaj misiaj lernejoj kaj en hejmo, lernante eŭropajn lingvojn, iom da fortepiano, kiun instruas iu franca „Mademoiselle“ aŭ angla „Miss“, sed tio estas realigebla nur por tre malmultaj ĉefurbaj familioj.

De turka literaturo ŝi ree nenion povas elĉerpi, ĉar ĝia enhavo estas ekskluzive sensualismo . . .

Tiel, turkino, kiel vera produkto de sia medio, estas malklera, sklavema kaj flirtema. Altaj ideoj, sociaj idealoj estas nekonataj de ŝi. Kontraŭe la medio inspiras ŝin esti voluptema kaj flirtema. Maksimume ŝi povas esti „bona patrino“ edukanta siajn infanojn pri la sama sklaveco, en kiu ŝi mem kreskis.

La prostitucio oficiale estas malpermesita por islamaninoj. sed en realeco ĝi multe pli vasta estas ĉe ili ol oni povas pensi.

* * *

Mi pensis koncize priskribi la staton kaj medion en kiu travivas turkino. Interese estas scii, ĉu neniaj provoj fariĝis por ŝin liberigi de tiu stato? Jes fariĝis.

Antaŭ kelkaj monatoj du junaj turkinoj en Pera estis ekpensintaj kolekti helpmonon por la vunditoj. (Certe ili neniam kuraĝus fari tion en turkaj kvartaloj.) Sed baldaŭ bonanimaj kreduloj ekscitiĝis, ke islamaj virinoj sin montras al kristanoj. Fine policanoj persekutas ilin, arestas dum eliro de iu restoracio kaj kondukas al policejo. Vane intervenas kelkaj junuloj, kriante, ke oni devis adori tiujn virinojn, anstataŭ ilin aresti.

La policestro iom pli ĝentile rilatas, li komprenigas ilin, ke tiaj agoj estas spitaj al islamismo, argumentas per citaĵoj el Korano kaj liberigas ilin, sed unu el la turkaj gazetoj de la sekvanta tago eksciteme rakontante la skandalon, laŭte postulis de la administracio, ke ĝi severe punu tiujn malĉastulinojn, kiuj „ridetis al kristanoj kaj ekscitis amason“. Tio estis la lasta provo de liberiĝo.

Jen tia estas la stato de l'patrinoj en tiu nacio, kiu nuntempe tiom gravajn krizojn pasigas.

La turkaj patriotoj, se ili sincere kaj klare amas sian patrujon, plej antaŭe devas zorgi pri la emancipo de la virinoj, altigo de ilia stato.

Ankaŭ la leĝistaro ne ĉiam devas sekvi la amason; kontraŭe en aferoj de progreso kaj civilizado la amaso devas sekvi la administracion.

Nur tiam komencos la renaskiĝo de Turkujo.

*Socia stato de turkino; edukado; aspiroj.* Kiel logika konsekvenco de l'antaŭdiritajoj ne malfacile estas konkludi, ke la turka virino neniom partoprenas en la socia vivo. Ne sole la oficoj kaj balotrajto estas malpermesitaj al ili, sed ankaŭ partopreno en la plej ordinaraj kunvenoj, naciaj festoj, komunaj solenoj, unuvorte ĉien, kie eniras viro.

La famaj orientaj kafejoj, kiuj ludas por turko la rolon de ripozejo, promenejo aŭ diboĉejo, estas ekskluzive rezervataj al viroj. Turko ne tiom plezuras de teatro aŭ kinematografo. Nur dum Ramazano — monato de diboĉo kaj eksceso — kiam la turkaj stratoj mortas tage kaj viviĝas nokte — la provizoraj teatroj estas plen-plenaj per vidĝuantoj, sed eĉ unu turkinon vi ne trovus inter ili. Iafoje oni aranĝis apartajn kinemo-prezentadojn por virinoj, sed teatron neniam. Ankaŭ tre kompatinde kaj kortuŝe estas vidi laŭlonge de stratoj vicojn da turkinoj, kaŭrantaj malantaŭ balustradoj aŭ starantaj sub muroj, atendante la pason de la procesio aŭ muziko, dum viroj libere svarmas en strato aŭ trankvile rigardas de kafejfenestroj.

Pasintan jaron, okaze la Ramazano ĉirkaŭ l'„Ekspozicio de l'Ŝiparo“ oni aranĝis provizoran „senarban ĝardenon“ kie vespere ludis muziko, kie amaso, grandparte turkoj, iafoje kristanaj familioj, gaje distriĝis. La turkinojn oni vidis triope aŭ kvarope piedstarantajn sur apudaj altaĵoj por de tie rigardadi la diboĉon de siaj edzoj aŭ kristanaj samseksaninoj. Fine oni kvazaŭ kompatis ilin kaj en ekstremo de l'ĝardeno oni izoligis iun parton per lignaĵoj kun kafesoj de antaŭo, de kie ili povis side rigardadi la saman spektaklon.

Kiel ni vidis, ĉiuj karieroj en kiuj de longe brilas la eŭropaj virinoj, estas fermitaj por turkino. Ŝi ne povas kaj estas nek artistino, nek verkistino, nek oficistino, maksimume nur virino.

*(Daŭrigota.)* *Maurice Schneider* (Konstantinoplo).

## Al niaj legantoj

Ĉar ni publikigis en tiu ĉi No la diversajn raportojn pri la Esperantistaj regionaj kaj naciaj kongresoj, ni pro manko de loko estas devigitaj prokrasti ĝis nia venonta No la literaturan kronikon de nia kunlaboranto Verto kaj parton de la rubriko *Socia Vivo.*



# Bileto de blankbarbulo

## *Filozofio de l'utila agado*

*Antaŭ kelkaj jaroj mi parolis pri ia franca reĝo, kiu venigis tri laboristojn kaj al ili ordonis, fosi ĉiu sian sulkon.* [1]

*La sama reĝo, alian tagon, kunvokis du kamparanojn. „Jen" — li diris — „du grandaj, belaj, samvaloraj kampoj. Dum la lastaj jaroj ili ne estis kulturitaj kaj bezonas seriozan prilaboradon. Elektu ĉiu por unu! Post unu jaro ambaŭ kampojn mi donacos al tiu el vi, kies rikolto estos pli riĉa. — Iru, amikoj, kaj laboru!"*

*Unue ambaŭ kamparanoj, ĉiu sur sia kampo, plej zorge elfosis la malutilajn kreskaĵojn; sed dum unu, post konvena preparo, senprokraste semis kaj dissemis multegon kaj sufiĉegon da tritikaj grajnoj, konvinkite, ke la bona semo ĝerminte kaj leviĝinte sufokus la parazitajn herbojn, la alia male daŭrigis kaj ĉiam daŭrigis sian eltiron de herbaĉoj: veninte al la fino de sia kampo, li efektive konstatis kun doloro, ke ree kreskis en la komenco novaj ne deziritaj herboj, kiujn li volis elfosi antaŭ ĉiu semado. Sed poste kun la fino de l'kampo okazis la samo, tiel ke senfina estis la rekomenco de l'elfosado.*

*Post unu jaro, kiam la reĝo vizitis la kampojn, sur unu li trovis verdire neniun abomenan lolon, sed ankaŭ neniun rikolton; bela kampo, certe, sed nuda kaj senfrukta! La alia kampo kontraŭe, malgraŭ eble kelkaj herbaĉoj, prezentis densan rikolton, orflavan kaj riĉan, veran ĝojon por la okuloj!*

*Al kiu kamparano la reĝo donacis la du kampojn, ne estas bezone diri.*

*Tiu ĉi historio, karaj samideanoj, estas ankaŭ la nia. Tro multaj inter ni, kiel cetere inter ĉiuj homoj, zorgas multe pli pri la elfosado kaj detruo de tio, kio al ili ŝajnas malbona (aŭ simple ne plaĉas), ol pri la firma starigo, kreskado kaj vivo de tio, kion ili opinias utila kaj aprobinda. Anstataŭ uzi ekzemple nian lingvon, ĝin diskonigi kaj disvastigi tian, kia ĝi estas, ili konsumas sian tempon, saĝon, forton, monon por forigi pli- malpli dubajn erarojn kaj mankojn; anstataŭ subteni energie bonajn jam elprovitajn instituciojn, ili senfine kritikas aŭ kontraŭ tiuj ĉi imagas novajn; la malhonestulojn ili pli akre kontraŭstaras, ol ili fervore helpas la honestulojn; la maljustecon ili pli malamegas, ol ili ŝatas la justecon; la mensogon ili pli abomenas, ol ili amas la veron. Ne pro io ili agas, sed precipe kontraŭ io, se ne kontraŭ iu, kaj pro senfina kaj preskaŭ ekskluziva batalo kontraŭ la malbono, ili fine permesus, ke pereu la bono!*

*Tute alia, amikoj, estu nia devizo.*

*Ne tro zorgante pri kritikoj aŭ eĉ kalumnioj de kontraŭuloj, ĉu en, ĉu ekster niaj vicoj, senŝanceliĝe fidelaj ni fosu nian sulkon kaj fruktigu nian kampon por riĉa rikolto!*

Th. Cart.

[1] *Lingvo Internacia*, sept. 1907.



# ONI KONGRESAS

## Nacia Brita Esperanto-Kongreso

Ĝi okazis en la belega urbo Eastbourne sub la alta patroneco de lia reĝa moŝto la duko de Connaught kaj la aŭspicioj de la urbestraro la 11 kaj 12 majo. La kongreso malfermiĝis la 10 majo per ekskurso al la bela romana kastelo de Pevensey; vespere okazis granda propaganda kunveno prezidata de la urbestro, helpata de la vicurbestro kaj diversaj membroj de B. E. A., inter kiuj S-ro H. B. Mudie, prez. de B. E. A. kaj UEA, kiu parolis pri la utileco de Esp. Aliaj paroladoj estis farataj de D-ro Pollen kaj S-ro G. Cox. Bone ludita teatraĵo multe interesis la neesperantistojn. La delegitoj de diversaj landoj, kies nombro estis ĉirkaŭ 30, salutis la kongreson en la nomo de siaj landoj. Dimanĉon okazis esp. diservo en la preĝejo „la Sankta Triunuo"; la posttagmezo estas dediĉita al promenado al la belega kruta promontoro Beachy Head. Lundon komenciĝis la ĝenerala kunveno de B. E. A., kiu daŭris preskaŭ tri horojn kaj dum kiu multaj interesaj punktoj estis pritraktataj. Oni elektis la saman estraron, kaj okazis nur malgrandaj ŝanĝoj en la komitato. Tagmeze S-ro Mann aranĝis propagandan kunvenon por teozofoj, kaj post tio la membroj de UEA havis sian specialan kunvenon, dum kiu estis priparolataj diversaj interesaĵoj. La sukceso estis plena, kaj bona raporto pri ĝi aperis en loka ĵurnalo. Posttagmeze la urbestro kun sia edzino akceptis ĉirkaŭe 300 samideanojn ĉe la urba domo al temanĝo. Vespere estis la lasta kunveno plezura kaj propaganda de la kongreso. La venonta okazos en Manchester. — P. B.

## Dana Esperanto-Kongreso

La 11 kaj 12 majo okazis la 5-a dana Esp. jarkunveno en Aarhus. La nombro de la partoprenantoj ne fariĝis tiel granda, kiel oni antaŭe esperis; tamen ĉeestis reprezentantoj de ĉiuj danaj kluboj kaj multaj izolaj esperantistoj el Danujo kaj unu samideano el Kiel. Post la ĝenerala kunveno de Centra Dana Esperantista Ligo, dum kiu oni decidis interalie la eldonadon de nova regule aperonta organo por membroj, okazis vaporboat-ekskursoj al la belega ĉirkaŭaĵo de la urbo. Cetere la kongreso estis favorata de neordinare ĉarma vetero. La 12 majo okazis publika propaganda kunveno kun parolado, legado kaj muziko; samtempe montriĝis al la publiko sufiĉe granda Esp. ekspozicio. Al la kunveno la gazetistaro de la urbo estis invitita, kaj ĝi aperigis favorajn raportojn pri la kunveno. La partoprenantoj ricevis ilustritan gvidlibron tra Aarhus kaj ĉirkaŭaĵo. La 12 majo okazis la jarkunveno de UEA kaj estis diskutataj diversaj interesaj temoj. Laŭ propono de la Distrikta Delegito (kies ĉeesto bedaŭrinde estis malhelpita) oni decidis elsendi rondirantajn kajerojn kiel interligilon inter la delegitoj de la distrikto. Ĉeestis 5 delegitoj. — C. Heilskov.

## Tria tutaŭstria kongreso

Tiu kongreso, kiu okazis la 11 kaj 12 majo en Graz, estis plena sukceso kaj faris per sia distinga aranĝo grandan impreson al la oficialaj rondoj kaj al la publiko. La 10 majo okazis la malfermo de la ekspozicio kaj vespere propaganda kunveno en la hotelo Florian. Poste oni elektis la jenan estraron: prez.: D-ro Dietl; vicprez.: S-roj D-ro Racz, D-ro Ghez, P-ro Simon kaj D-ro Haas; sekr.: S-roj Geier kaj P-ro Gluck. La 11 majo matene okazis ekzamenoj kaj poste la festkunveno en Rittersaal, kie la prez. salutis kiel honorajn gastojn la oficialajn reprezentantojn. Laŭ propono

de S-ro P-ro Simon oni sendis salut-telegramon al lia imperiestra kaj reĝa moŝto Jozefo I. Sekvis la festparolado de D-ro Ghez, kiu faris nepriskribeblan impreson kaj estis tondrege aplaŭdita. Oni poste sendis ankoraŭ kelkajn telegramojn, inter kiuj unu al D-ro Zamenhof. Sekvis la labora kunsido prezidata da S-ro P-ro Simon, dum kiu kelkaj interesaj demandoj estis diskutitaj. Kiel urbo de la venonta Kongreso Franzensbad estas elektita. La 12 majo kunvenis la Ligo de la katolikaj esp. en Aŭstrio sub la prezido de S-ro Horl. La dua labora kunsido okazis tagmeze kaj oni priparolis ankoraŭ diversajn temojn. Resume ni povas diri, ke la kongreso plej kontentige pasis. — G. A. E.

## 6-a Kongreso de la Federacio Esp. de Burgonjo kaj Jura

Ĝi okazis en Auxerre la 10, 11 kaj 12 majo. La 10 vespere S-ro Poncet, Del. en Lyon, faris tre aplaŭditan paroladon pri la bela vojaĝo, kiun li entreprenis al Krakovo kaj al Berno dank'al la stipendio ricevita de la Federacio. La 11 alvenis pli ol 150 kongresanoj por granda festeno, prezidata de S-ro Rektoro Boirac. Ĉeestis pluraj eminentuloj: urbestro deputato S-ro Milliaux, la kolonelo de la 4-a inf.-regimento, la akademia inspektoro S-ro da Costa, la prez. de la Iniciata Sindikato k. c. Ĉe la deserto S-ro R-ro Boirac diris tre noblajn parolojn pri nia movado kaj ĝiaj rilatoj kun la disvolviĝo de la pacaj sentoj inter la popoloj. Poste S-roj Dejean, prez. de la Federacio, kaj Cestre, prez. de la Auxerre-a grupo, dankis ĉiujn personojn, kiuj helpis por la organizo de la kongreso. — Je 3 h., post fotografado de l'kongresanoj, okazis ĝenerala kunveno de la delegitoj de la 27 grupoj de la Federacio. En sia raporto la prez. montras la prosperon de la Federacio, kiu gajnis kvin novajn grupojn kaj nun kalkulas 1600 membrojn. En kaso estas fr. 360. 95 de kiuj oni forprenos la necesan sumon por vojaĝstipendio, kiel la lastajn jarojn. Oni poste diskutis la demandon pri la plialtigo de la kotizaĵo al la S. f. p. E. de 5 ĝis 25 cent. La Federacio decidis, ke, se la plialtigo estos akceptata, ĝi eksiĝos el la S. f. p. E. — Oni unuanime aprobis proponon de S-roj Bord kaj Rousseau: 1e esprimi al la S. f. p. E. la deziron, ke ĝi starigu liston de la profesoroj de Esp. en Francujo, reviziu la programon de la ekzamenoj, interkonsentu kun la aliaj naciaj societoj, enkonduku en ilin demandojn pri la historio kaj organizo de Esp., kreu novan diplomon duagradan kaj fiksu por tuta Francujo la saman tagon por la ekzamenoj; 2e decidu la reorganizon de la instruado sur pli firma bazo kaj laŭ la principoj supremontritaj. F-ine S-ro Bord, suburbestro de Beaune, estis preskaŭ unuanime elektata kiel prez. por la venonta jaro; la kongreso okazos en Bourg kun la kongreso de la Rodana Federacio. — Poste okazis la kunveno de UEA, kiun ĉeestis preskaŭ ĉiuj Delegitoj de la distrikto. La distrikta Del., S-ro Rousseau, raportis, ke ekzistas nun Delegitoj en ĉiuj gravaj lokoj de la distrikto. Li anoncis, ke oni organizos opan vojaĝon al Svisujo okaze de la Berna kongreso, kiun povos partopreni ĉiuj esperantianoj de la distrikto. Vespere okazis familia festeno sekvita de koncerto kaj balo. Ekskurso al la mirinda romana preĝejo de Veselay finis la kongreson.

## 6-a Kongreso de la Federacio Esp. Rodana

Ĝi okazis en la beleta urbo Valence la 11 kaj 12 majo. Dank'al la klopodoj de S-ro Mège, Del. de UEA, ĝi estis plensukcesa. La unuan tagon matene la kongresanoj vizitis la urbon, vespere okazis interesaj paroladoj de S-ro Cohendy, prez. de F. E. R., kaj S-ro Poncet, Del. de Lyon, kiu parolis pri Svisujo kaj prezentis lumbildojn. Je 7 h. granda festeno kunigis la kongresanojn, kaj oni aŭdis bonegajn paroladojn de la urbestro, S-ro Chalamell, de S-ro Rollet de l'Isle kaj aliaj eminentuloj; belega balo finis tiun unuan tagon. La morgaŭan tagon matene okazis unue la Distrikta Kunveno de UEA, prezidata de S-ro Gabert, Distrikta Del. de S. O. Franc., kaj poste la kunveno de F. E. R. Kiel venontan kongresurbon oni elektis Bourg-on. Je 2 h. kelkaj veturiloj kondukis la kongresanojn al St. Peray, kie oni ĝojege pasigis la posttagmezon. — E. G.

## 5-a Belga Kongreso

Tiu kongreso, okazinta la 11 kaj 12 majo en la mondfama banurbo Spa, same bone sukcesis kiel la antaŭaj. Dimanĉon matene la samideanoj estis akceptataj de la urbestraro, kiu promesis sian simpatian helpon por la loka movado. La ĝenerala kunveno de la Belga Ligo okazis poste en Pavillon des Petits Jeux. La diversaj raportoj prezentitaj konstatigis tre kontentigan situacion de ĉiuj vidpunktoj. Posttagmeze tre gaja festeno agrable finis la oficialan parton. Post promenado tra la urbo kaj vizito de ĝiaj vidindaĵoj la kongresanoj ĉeestis en la teatro reprezentadon, kies ampleksa kaj plezuriga programo plaĉis al ĉiuj. Lundon ekskursetoj al la ĉirkaŭaĵo estis farataj kiujn favoris belega vetero. Ni esperas, ke la partoprenontoj en la 6-a kongreso estos ankoraŭ pli multnombraj. — F. M.

# KRONIKO

### Novaj grupoj kaj societoj.

— *Astrahan* (Rus.). — Fondiĝis „Astrahana Societo Esp." kies prez. estas S-ro M. A. Fedorov kaj sekr. S-ro S. V. Sariĉev. — V. S.

*Barcelona* (Hisp.). — La grupo „Espero Kataluna" aranĝas ĉiun unuan sabaton de la monato koncerton kun kantoj kaj legado de poeziaĵoj, kiun ĉeestas proksimume 50 anoj. — La 11 majo okazis ekskurso al la malsanulejo de Sankta Paŭlo, kiu estas inaŭgurota. Partoprenis 30 personoj. — A. P.

*Borgo* (Finlando). — La Esp. Grupo de UEA decidis de nun nomi sin „La Guteto". — A. L. S.

*Croydon* (Angl.). — La 12 julio okazos la ĉiujara vagekskurso en la Surrey montetoj. Ĉiuj esp. estas invitataj partopreni; skribu al S-ro L. L. S. Louis, 3, Courtney Road, Waddon por bileto kaj pluaj informoj. —

*Egorjevsk* (Rus.). — La esperantianoj invitas ĉiujn en Rusujo vojaĝantajn samideanojn viziti sian urbon kuŝantan proksime de Moskvo. — N. Z.

*Ferte s. Jouarre* (Franc.). — La nova grupo elektis la jenan estraron: P.: S-ro Decary, S.: S-ro Hisset, K.: S-ro Steiner. Kunvenoj ĉiujaŭde en la urbdomo. — P. V.

*Meaux* (Franc.). — La grupo anstataŭigis sian sekretarion. Li estas nun S-ro Meunier, 22, Cours Raoult. — P. V.

*Gummersbach* (German.). — La grupo estas nun laŭ siaj statutoj aliĝinta al UEA, GEA kaj Revelo. La ĝisnuna estraro estas rebalotita kaj pliplenigita; oni elektis ankaŭ specialajn komitatojn por la propagando kaj gazetaro. — W.

*München* (German.). — La 5 esp. grupoj faris la 4 majo propagandan ekskurson al la najbara urbeto Starnberg, por fortigi la tiean ĝermantan movadon. S-ro Murr akceptis la samideanojn en la restoracio Ludwigshöhe. Sukcesplenaj paroladoj estis faritaj de S-roj D-ro Proells kaj Devjatnin, kiu ĵus revenis de propaganda vojaĝo al Paris kaj London. La loka urbestro entuziasme promesis al la juna grupo sian helpon kaj laŭeble urban subtenon.

*Orizaba* Meksik.). — Nova grupo estas fondita kun la jena estraro: P.: V. Robres, S.: N. E. Ashby, K.: J. E. Powell. — N. Z. A.

*Paris* (Franc.). — La unua Loĝio laboranta per Esp. estas definitive fondita sub la titolo „Esperanto“. Kiel provizora sekretario estas elektita S-ro E. Souchay, 134, Boulevard Exelmans, Paris 16. — E. S.

*Peterburg* (Rus.). — Fondiĝis 2 grupoj, unu ĉe „Politeknikaj kursoj de societo profesora kaj instruista“ kun 20 membroj, la alia ĉe Instituto de civilaj inĝenieroj. — E. D.

*S. Onofrio* (Ital.). — La 17 majo okazis la ekzamenoj de la lernantinoj de la kolegio; partoprenis 15. — M. C.

*Villach* (Aŭstrio). — La intereso pri Esp. en Karintio iom post iom pligrandiĝas, kaj en centro de esp. movado, en Villach, ĉiam firmiĝas la nova unuiĝo. La kurso gvidata de S-ro D-ro Wedam finiĝis, kaj en aŭtuno oni intencas organizi kursojn ankaŭ en aliaj lokoj. — R. M.

**Novaj kursoj.** — *Gaussig* (German.). — Komenciĝis nova kurso kun 30 lernantoj en la popola lernejo; gvidanto estas S-ro Wahode, Del. de UEA. — E. W.

*Heidenheim* (German.). — Senpaga kurso gvidata de S-ro Gabler kaj vizitata de 12 personoj. — Ŝ. E.

*Hiroŝima* (Japan.). — S-ro K. Takahaŝi, Del., kun helpo de S-ro P-ro Nakanomé malfermis kurson kun 24 lernantoj. — K. T.

*Leipzig* (German.). — Al la leteristoj de la plej granda poŝtoficejo estas donita cirkulero, kiu instigis ilin lerni Esp. kaj viziti senpagan kurson. 80 personoj nun partoprenas en du klasoj kaj post la fino oni intencas fondi poŝtan unuiĝon. — R. S.

*Meissen* (German.). — Kurso komenciĝis por la anoj de la distrikta instruista unuiĝo; instruas S-ro A. Sohrmann. — A. S.

*Peterburg* (Rus.). — Du kursoj ĉe „Politeknikaj kursoj de societo profesora kaj instruista“ gvidataj de S-ro E. Dresing; 23 anoj. Alia kurso ĉe „Instituto de civilaj inĝenieroj“ kun 13 anoj. — E. D.

*Rorschach* (Svis.). — Malfermiĝis kurso por 35 fraŭlinoj kaj instruistinoj de la instituto Stella Maris. Baldaŭ okazos parolado por la komerca unuiĝo. — O. H.

*Sabadell* (Hispan.). — Kvar kursoj estas malfermitaj en „Aplech Esp. Grupo“; du kursoj estas por virinoj; entute 47 anoj. — M. G.

*Savignana di Romagna* (Ital.). — Post sukcesa parolado de S-ro P-ro Carolfi malfermiĝis kurso kun pli ol 30 anoj. — M. C.

*Shanghai* (Ĥin.). — En dua provinca normala lernejo oni instruas Esp. kiel devigan fakon, ankaŭ en la komerca kaj virina lernejoj. Nan-Jan meza lernejo havas esp. lecionojn anstataŭ fremdaj lingvoj. Malfermiĝis kurso ĉe la redaktejo de „Ĥina Socialisto“ por virinoj. — Ŝ.

*Weinböhla* (German.). — S-ro A. Sohrmann, Del., gvidas kurson en lernejo, kiun vizitas 22 geknaboj, — A. S.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Chambéry* (Franc.). — De la 11 ĝis 15 junio okazos interdepartementa terkultura ekspozicio. La Esp. Grupo „Verda Stelo“ partoprenos en ĝi per elmontrado de esp. kaj esperantiaj dokumentoj, disdonado kaj disvendado de broŝuroj, reklamiloj k. t. p. — J. E.

*München* (German.). — Nia ĉarma samideanino *Ilona de Regéczy*, hungara violon-artistino el Budapest koncertis en la eleganta salonego de la „Hotel Bayerischer Hof“. La distinginda ĉeestantaro — inter kiu multaj esperantistoj — aplaŭdegis la junan virtuozinon. Ankaŭ niaj tre rigoraj lokaj artkritikistoj raportis pri la tre ŝatinda arta ludo de la lerta violistino, kies senduba talento estas multe promesanta. Pri la efika kunhelpo de la Munĥenaj gesamideanoj, kiuj laŭforte helpis sukcesigi la muzikaranĝon, faris la koncertintino la rimarkindan konfeson al S-ro Del. Tressel: „Estante tute fremda en via urbo neniu helpas min pro tio, ke mi krom mia gepatra lingvo ankaŭ parolas *germane,* sed parolante *Esperanton* tuj mi trovis tiom da afablaj helpantoj!“

*Odessa* (Rus.). — La 28 aprilo la esp. organizis kun la helpo de artistinoj O. J. Bajanova kaj L. D. Krijanovskaja koncertbalon en la loka teatro „Harmonio“. Krom propaganda parolado de S-ro O. Orlovski oni prezentis komedieton, kantis kaj deklamis. Post la koncerta parto militista orkestro ludis nian himnon; la festo daŭris ĝis la 3 h. Ĉeestis preskaŭ 400 personoj. Estis aranĝita ekspozicio elmontranta diversajn statistikojn pri Esp. kaj UEA. — E. P.

*Weinböhla* (German.). — La grupo aranĝis premioskribadon. La 1-an premion en la grupo ricevis S-ro Rädlein; la 2-an en la 1-a kurso S-ro Däberitz kaj la 3-an en la 2-a kurso S-ro Döring. — A. S.

**Paroladoj.** — *Boras* (Sved.). — La 23 aprilo S-ro O. Roesel faris tre interesan paroladon pri Esp. kaj estis multe aplaŭdita. Li intencas malfermi kurson.

*Sabadell* (Hispan.). — En la „Aplech Esp. Grupo“ S-ro M. Bembo faris propagandan paroladon pri Esp. en la lernejo. — M. G.

*Savignano di Romagna* (Ital.). — La 4 majo parolado de S-ro P-ro Carolfi en la katolika teatro pri UEA. — M. C.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — S-ro P-ro Pitlik daŭrigas sian sukcesan peresperantan paroladvojaĝon pri Praha. La 25 aprilo li parolis en *Odense,* 200 ĉeestantoj, tradukis S-ro Andersen, la 28 en *Kopenhago,* 350 aŭskultantoj, S-ro Barnaël tradukis, la 4 majo en *Stockholm* antaŭ 400 personoj, tradukis S-ro Rosengren, la 6 en *Gevle,* 450 ĉeestantoj, S-ro Lundgren tradukis, la 17 en *Peterburgo,* parolado aranĝita de la rusa „Skola Unuiĝo“, 300 personoj, S-ro Evstifeieff tradukis, la 19 en *Reval* antaŭ 350 ĉeestantoj, tradukis S-ro Rosenberg.

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Junio* (6-9). — Skota Esperanto-Kongreso en *Greenock.*

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago.*

*Aŭgusto* (14-20). Esperantista Semajno-Kongreso en *Gent.*

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart.*

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno.*

*Aŭgusto - Septembro* (31-2). — Kongreso de italaj Esperantistoj en *Milano.*

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 Aŭgusto 1913

Depost la 1-a de Junio la kongresa sekretariejo troviĝos en nova ĉambro, kies adreso estas: Hotelo Bristol, Schauplatzgasse, proksime de la ĉefa stacidomo. Afiŝoj sur la muroj facile montros la vojon. La prezidanto de la Organiza Komitato ĉeestas en tiu oficejo ĉiutage de la 7½—8½ matene, kaj de la 1½—2½ posttagmeze.

Ni memorigas denove, ke la Kongresa Libro estas en presado kaj ke en la listo de kongresanoj troviĝos nur la personoj, kiuj pagis sian kongreskotizon antaŭ la 1-a de Julio. La Kongresa Karto kostas 6 Spesmilojn (15 Frankojn), kaj la helpkongreskarto 3 Spes-

milojn. Mono estu sendata al la Kantonalbank en Bern, kaj korespondaĵoj al la Organiza Komitato de la Naŭa Kongreso de Esperanto en Bern.

Ĉar ni havas kontrakton kun la posedantoj, ni povas garantii bonan loĝejon nur al tiuj personoj, kiuj sufiĉe frue mendas sian ĉambron. La prezoj estas tiel malaltaj kaj la kondiĉoj tiel favoraj, ke ĉiu ajn povas antaŭe sendi la monon por la loĝado; li nenion riskas, ĉar la Organiza Komitato nepre repagos, se la mendinto pro iu kaŭzo ne povis viziti la kongreson.

Esperantistoj kaj Esperantianoj aliĝu tuj kaj grandnombre al nia bela festo. Svislando, la perlo en la koro de Eŭropo, afable vin akceptos kaj montros al vi siajn plej intimajn vidindaĵojn. Restante en nia Alparo, vi ĝuos la plej allogajn mirindaĵojn de la mondo.

En la proksima cirkulero ni publikigos la programon de la kongreso kaj de la multaj amuzaĵoj.

*La Direktanta Komitato.*

## Listo de la kongresanoj (3ª listo)

**Belgujo.**

10. Henri van Wesenbeek, *Mariaburg apud Antwerpen*, Gesondheitslei 16.
11. Fino Emma van Wesenbeek, *Mariaburg apud Antwerpen* Gesondheitslei 16.

**Britujo.**

24. John Thomas Holmes, *Bradford*, Eccleshill, Norman Drive 29.
25. Sino Mary Holmes, „ „ „
26. Anny G. Throupe, „ „ „
27. F-ino Dora E. Bellamy, *London E C*, Upper Norwood, Belvedere Rd. 85.
28. F-ino Sarah Kelly, *Glasgow, West*, Ibrox, Paisley road 429.
29. F-ino M. Kennedy, *Glasgow*, Dennistown, Ingleby Drew 134.
30. F-ino Anna Bose, *Catford-London*, Berlin Rd. 15.
31. F-ino Eliz. O'Brien, *Canonbury-London*, St. Pauls Place 3.
32. S-ino Mary Theodore, *London*, St. Russels Sq.; 36, Guilford.

**Francujo.**

25. Jules Bacquet, *Pihens par Guines*, Pas de Calais.
26. André Bouveret, *Bayard par Anduze*, Gard.
27. S-ino Fern. Bouveret, „ „ „ „
28. D. Alf. Agache, arĥ., *Paris*, Rue Eugène Flachat 11
29. F-ino Gabrielle Gérard, *Paris*, rue d'Armailli 9.
30. Prof. Camille Aymonier, *Paris*, Bd. St. Jacques 52 bis.
31. Prof. Carlo Bourlet, *Paris*, rue Raynouard 56.
32. Camille Chandelliez, stud., *Troyes* (Aube), rue de Noes 69
33. Louis Crébely, *Moulin-Rouge* (Jura.)

**Germanujo.**

32. Rudolf Maske, ĥemiisto, *Dresden*, Strehlenerstrasse 9.
33. S-ino Olga Maske, „ „

**Hispanujo.**

4. Rafael Beniter y Beniter, *Madrid*, Plaza del Angel 13.
5. Jozefo Perogordo, Artileria kapitano, *Madrid*, Toledo 6.

**Polujo.**

6. Jan Günther, kolonelo, *Varsovio*, Wlodzimirska 8.

**Rusujo.**

7. Paul Medem, Subkolonelo, *Kovno*.
8. S-ino Medem, *Kovno*.

**Svisujo.**

54. F-ino Louise Küster, *Neuchâtel*, Ecole 47.
55. Charles Perret, *Neuchâtel*, Charmettes 13.
56. S-ino Lina Perret, „ „
57. Friedr. Schwarz, *Thun*, Schönaustrasse 18.
58. S-ino Martha Schwarz, *Thun*, Schönaustrasse 18.
59. F-ino Hedwig Bourquin, *Basel*, Steinengraben 67.
60. Dr. med. Friedr. Moser, *Rüegsau*.
61. M. E. Lapiné, *Genève*, Grange-Falquet.
62. Ed. Stettler, *Bern*.
63. F-ino Martha Zündel, *Bern*.
64. Baron Maxime von Ehrental, *Clavadel apud Davos*, Villa Erika.
65. P. Humberset, *Le Locle*, La Jaluze 8.
66. S-ino L. Humberset, *Le Locle*, La Jaluze 8.
67. Wilh. Haase, *Burgdorf*, Hohengasse 19.
68. S-ino L. Christen-Weber, *Basel*, Petersplatz 11.

**Usono.**

4. Josef Silbernik, *New York*, 19 th Street 240.
5. Ernest C. Mc Kelvy, ĥemiisto, *Washington D C*, Bureau of Standards.

**Suda Ameriko.**

1. Henriko Muñoz, *Montevideo*, Agraciada 597 (Uruguay).

# DIVERSAĴOJ

.˙. *Esperanto kaj turismo.* — Ĵus aperis sub la aŭspicioj de UEA okpaĝa bela gvidfolio tra *Letchworth*, la konata angla ĝardenurbo. La gvidfolion ornamas kelkaj ilustraĵoj. Aperis alia gvidfolio tra *Roye* (Somme, Francujo). Tiuj gvidfolioj estas riceveblaj de la Del. de la koncernaj urboj kaj de la C. O. de UEA.

Gvidfolio tra *Bozen* (Tirolo) estas en presado.

.˙. *Universitataj gvidfolioj.* — Sub la aŭspicioj de UEA aperis universitata gvidfolio de *Pavia* (Italujo). Aliparte aperis la dua eldono de la universitata gvidfolio de *Dijon* (Francujo).

Tiuj gvidfolioj estas riceveblaj de la Del. de la koncernaj urboj aŭ de la C. O. de UEA.

.˙. *Esperanto, turismo kaj paco.* — La karavano el Parizo ĝis Eastbourne, loko de la 6ª Brita Kongreso, organizita de nia kunlaboranto, S-ro E. Souchay, sukcesplene okazis. Kelkaj fremdlandanoj ĉeestis kaj estis afablege akceptitaj de la anglaj samideanoj. La kongresanoj estis akceptitaj de la tri urbestroj en Eastbourne, Lewes, Hastings. Dum la kunveno oni akceptis proponon de franca samideano, helpita de germana, sendi al la Prezidanto de la Parlamentanoj kunvenintaj en Berno la jenan dezir-esprimon: „Esperantistoj britaj, francaj, germanaj, belgaj, polaj, k. t. p., kunvenintaj en Eastbourne, ĝojas pensante, ke vi laboras por starigi inter Germanujo kaj Francujo la necesan kaj tre eblan „Koran Interkonsenton". Tia „Interkonsento" inter Francujo kaj Britujo ŝajnis antaŭe neeblaĵo, tamen ĝi estas. Ne forgesu, ke por interkonsenti utile estas interkompreni. Tion oni povas per „Esperanto"." Poste okazis postkongresa karavano de la anglaj samideanoj al Rouen. — S.

.˙. *La nomo Esperanto.* — „Zamenhof" kaj „Esperanto" estas nomitaj du novaj kampoj petrolaj en vilaĝo Sliwki ĉe Perehinsko kaj Rypne (Aŭstria Polujo, Galicio). La lokaĵoj Perehinsko kaj Rypne estas bone konataj en petrolaj sferoj. Boradajn laborojn faras tie angla firmo „Premier Oil and Pipe Line Company". — W. K.

.˙. *Esperanta verkaro.* — La Esperantista Centra Oficejo prilaboris statistikon pri la nombro de libroj kaj broŝuroj pri kaj en Esperanto ĝis la 31 aŭgusto 1912. Jen kelkaj interesaj ciferoj: *Propagando:* 479 (ĝeneralaj verkoj 145, historio 9, propagandaj broŝuroj 170, bibliografio 27, paroladoj 19, disvastiĝo 21, kongresoj 21, jarlibroj kaj adresaroj 58, diversaj 9. *Instruado:* 481 (alfabeto 9, versfarado 5, ekzamenoj 6, gramatiko 46, vortaroj 114, lernolibroj en 31 lnigvoj 458). *Diversaj temoj:* 383 (filozofio 26, religio 51, sociaj sciencoj 59, sciencoj puraj 21, aplikataj sciencoj 62, belartoj 155, filologio 9). *Literaturo:* 423 (miksaĵoj 29, originala 78, tradukoj 316, el kiuj 75 el la franca, 37 el

la angla, 35 el la rusa, 34 el la germana, 33 el la pola, 13 el la hispana, 10 el la armena, 8 el la sveda, 7 el la itala, k. t. p.). *Historio, geografio, vojaĝoj:* 71. Entute 1837.

En la jaro 1889 estis 29 libroj, 88 en 1894, 123 en 1899, 211 en 1904, 1030 en 1906, 1554 en 1910, 1837 en 1912. — O. G.

∴ *Esperanto kaj ekspozicioj.* — Dank'al la klopodoj de la Genova Esperanto-Unuiĝo kaj de la Liguria Instituto de Esperanto, la komitato por la Internacia ekspozicio de Marindustrio kaj de marista higieno, kiu okazos en Genova de Marto al Novembro 1914, akceptis la enkondukon de Esperanto kiel helpa lingvo por la internaciaj interrilatoj. Tial tia komitato eldonos specialan programon de la ekspozicio en Esperanto kaj dissendos ĝin al ĉiuj Esperantaj rondoj. Por ĉiuj informoj, sin turni al la komitato por la internacia ekspozicio de Higieno (Via XX Settembre 34, Genova) petante senpagan alsendon de tiuj programoj. La komitato promesis apogi la organizadon de esperantista semajno, kaj starigi specialan akceptejon por la Esperantistoj. — I. E.

∴ *Esperanto kaj blinduloj.* — En Praha estas instituto por blinduloj, kiu estas nomata „ĉe Klár". La plej granda vizito estas la 16 majo en ĉiu jaro, ĉar en tiu tago estas nomtago de sankta Johano, festo en tuta Bohemujo. La instituto permesas, ke are oni vizitu la blindulojn. Oni tie ekspozas ĉion, kion la malfeliĉuloj laboras, oni montras kiel ili vivas, estas permesite viziti ĉiun ĉambron kaj en ĉiu estas por vizitanto io interesa. La plej interesa estas la legado. Mi kun kelkaj esperantistoj ekintencis ankaŭ viziti la instituton kaj precipe peti la blindulon S-ron Bruck, por ke li ankaŭ legu Esperante. Ni vizitis unue la ĉambron, en kiu oni legas. Kia surprizo! La salono estis plena de personoj, kaj la blindulo legas Esperante. La vizitantoj aŭskultas kaj demandas boheme aŭ germane kiel nomiĝas tiu lingvo — „Esperanto" respondas la blinda leganto. Ni post longa tempo alvenas al la tablo, kaj tie-ĉi S-ro Bruck kun aliaj geblinduloj sidas kaj parolas aŭ legas en nia lingvo.

Mi prenas lian manon, mi dankas al li, la aliaj parolas kun knabinoj, kaj blindulinoj respondas tute perfekte en Esperanto. Ni, ĝojigitaj, vidas, ke eĉ ili sentas, kian propagandon por nia movado ili faras.

S-ro prof. Macan, kiu la blindulojn instruas, estas ankaŭ blindulo. La instituto posedas jam la tutan esperantistan bibliotekon por blinduloj. S-ro prof. Macan instruas senlace la geblindulojn kaj estas fervora Esperantisto.

Kiu vizitos Praha ne forgesu viziti la instituton „ĉe Klár". — J. V.

## TRA LA GAZETARO

∴ S-ro B. Szczepankiewicz, prez. de la societo „Lumo", fariĝis redaktoro de la pola ĉiutaga gazeto „*Kurjer Kaliski*"; kunlaboranto estas la Del., S-ro H. Przybylski. Dank'al la fervoro de ili ambaŭ ofte aperas artikoloj pri Esp. kaj UEA. Tio estas nova sukceso; ĉar precipe la polaj gazetoj rilatas malfervore al nia movado. — H. P.

La ĥinaj gazetoj *Min Li-Pao, Min Ĉan-Pao, Sen Pao* kaj *Dan Konf-Pao* havas specialajn rubrikojn kiel la organoj de Ĥ. E. A. La jurnalo *Isi-Ru Min Pao* senpage enpresis grandan anoncon de UEA en ĥina lingvo. *Orienta Revuo,* sola granda monata gazeto en Ĥinujo, enhavas en marta N-ro fervoran artikolon pri Esp.

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Der Grenzbote* (10 aprilo); *Der Bund,* Bern (4, 5 kaj 14 majo); *Lübeckische Anzeiger und Zeitung* (4 majo); *Grazer Tagblatt* (6, 7, 10, 15 kaj 16 majo); *Remscheider Zeitung* (6 majo); *Sächsische Volkszeitung,* Dresden (6 majo); *Schleswiger Nachrichten* (6 majo); *Dresdner Anzeiger* (7 majo); *Vogtländischer Anzeiger und Tageblatt,* Plauen (7 majo); *Münchener Neueste Nachrichten* (8 majo); *Eckernförder Zeitung* (9 majo); *Eisenacher Zeitung* (9 kaj 17 majo); *Neue Freie Presse,* Wien (9 majo); *Schlesische Zeitung,* Breslau (9 majo); *Schlesisches Tageblatt,* Schweidnitz (11 majo); *Recklinghäuser Zeitung* (13 majo); *General-Anzeiger,* Reutlingen (14 majo); *Kölnische Zeitung* (14 majo); *Dresdener Nachrichten* (15 majo); *Saale-Zeitung,* Halle (15 majo); *Berliner Morgenpost* (16 majo); *Brandenburger Zeitung* (16 majo); *Gothaische Zeitung* (16 majo); *Norddeutsche Allgemeine Zeitung,* Berlin (16 majo); *Der Altmärker,* Stendal (17 majo); *Neues Wiener Tagblatt* (17 majo); *Prager Tagblatt* (18 majo); *Wernigeroder Zeitung* (18 majo); *Hamburger Fremdenblatt* (21 majo); *Reichspost,* Wien; *Le Journal des Collèges,* Fontainebleau (5 majo); *La Dépêche de Rouen et de Normandie* (18 majo); *La République de l'Oise,* Beauvais (23 majo); *The Morning Post,* London (12 kaj 16 majo); *The Times,* London (13 majo); *Bredasche Courant* (10 majo); *Golos Belostoka* (11 aprilo kaj 9 majo).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Komitato de UEA.** — Per sia lasta rondiranta kajero la Komitato de UEA alprenis la jenajn decidojn:

1. Ĝi akceptis la jenan modifon en la Financa Regularo:
   1. Post aliĝo, la membreco daŭras plenrajte ĝis eksiĝo aŭ eksigo.
   2. Ĉiu membro, kiu antaŭ la I. Marto ne sendis sian eksiĝon aŭ ne ankoraŭ repagis sian kotizaĵon, ricevos avertilon. Kiu ne pagis la kotizaĵon, eventuale kun la specialaj elspezoj por ĝia enkasigo, 10 tagojn post ricevo de la koncerna avertilo estos forstrekata sub rezervo de specialaj malhelpoj pri kiuj juĝos la C. O. de UEA.
   3. Personoj aliĝantaj post la I. Oktobro estas konsiderataj kiel pagintaj la kotizaĵon ĝis la fino de la sekvanta asocia jaro.

   La 4-a parto de tiu modifo rilata al la uzado de la servoj estas ankoraŭ en diskutado.
2. Konsentis pri revizio de la Statuto de UEA kaj de la specialaj regularoj en la limoj montritaj per la klarigoj de la Delegito de UEA kaj elektis por la preparaj laboroj komisionon konsistontan el S-roj Hodler, Stettler kaj Th. Rousseau.
3. Konfirmis la elekton de la Studenta Komisiono kiel sekvas, konforme al la proponoj de la Studenta fakestro: S-roj J. Valette, Toulouse; J. Litauer, Varsovio; K. Froeding, Rockford; H. Christaller, Stuttgart; I. H. Krestanof, Dijon.
4. Akceptis la konkludojn de la respondo de la Direktoro de UEA rilate al la plendo de S-roj Jaboeuf kaj Drudin pri la elekto de Del. en Lyon.
5. Akceptis aranĝon kun la Loka Komitato de la Naŭa Kongreso de Esperanto pri la Kongreso de UEA (komuna kotizaĵo).
6. Decidis rajtigi la C. O. de UEA iom post iom forigi la fakojn, kies manko da laboro kaj malkontentigaj enspezoj pruvas, ke ili ne povas memstare ekzisti.

## Garantia kapitalo.

| Listo de garantiantoj | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 17.000 |
| 69. H. Poensgen, Kaiserswerth | 125 |
| 70. K. v. Frenckell, Dresden | 125 |
| Frankoj | 17.250 |

Entute (ĝis la 25 majo) 70 Garantiantoj mendintaj 138 atestojn, valoro 17.250 frankoj (6900 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la naŭan liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro, 20 januaro, 5, 20 februaro, 5, 20 marto, 5 kaj 20 aprilo)

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de voĉdonintoj. La kursivaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

D = Delegito. — VD = Vicdelegito. — E = Elektita.

KANTON. — 35; 27. — D: W. Hu 19 E; Sifo 8. — VD: Sifo 12 E; Kwan Kwok-Sze 10; Hu 5.

PHILADELPHIA. — 24; 24. — D: *H. W. Hetzel* 19 E; C. C. Coigne 4; Polinov 1. — VD: C. C. Coigne 10 E; J. H. Noble 6; *H. Test* 4; A. B. Coigne 1.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 839 personoj inter 3288.

**Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj.** — Korekto de la informo publikigita en nia laste N-ro. paĝ. 139: La dua reprezentanto de UEA ĉe la nomita Kongreso estos S-ro A. Vermandel, Del. en Antverpeno, anstataŭ S-ro A. Richardson, jam delegita de alia Esp. organizajo. La unua reprezentanto restas S-ro H. Bolingbroke Mudie.

## Financoj.

*Konteltiro de UEA por la monato aprilo 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 1198. 04 | Oficejo | 65. 10 |
| Subtenantoj | 25. — | Salajroj | 416. 50 |
| Entreprenoj | 117. 75 | Korespondado | 150. — |
| | 1340. 79 | Materialo | 236. 05 |
| | | Presajoj | 32. — |
| | | Jarlibro | 170. 85 |
| | | | 1070. 50 |
| | | Saldo | 270. 29 |
| | | | 1340. 79 |

## Novaj Delegitoj.

*Aumale* (Francujo, Seine-Inf.). — D.: L. Truffart, 14, rue aux Juifs.

*Avallon* (Francujo, Yonne). — D.: Morel.

*Compiègne* (Francujo, Oise). — D.: Lecuru, 15, rue de Soissons.

*Herne* (Germanujo, Rheinprovinz). — D.: Marjan Grodski, 34/36 Kaiserstrasse.

*Mülheim a. d. Ruhr* (Germanujo, Rheinprov.). - D.: B. Kaensche, 51, Roonstrasse.

*Nowy-Sacz* (Aŭstrio, Galicio). — D.: Edward Izdebski, 870, Kolejovastrasse.

## Ŝanĝoj.

*București* (Rumanujo). — D.: E. J. Nicolau, en *Ploești* 18 str. Barcanești.

*Middlesbrough* (Anglujo, Yorkshire). — D.: F-ino M. B. Warne, 72, Dunning Rd.

*Philadelphia* (Usono, Penn.). - VD.: C. C. Coigne, 2157 E. Cumberlandstrasse.

## Rimarkoj.

*Chapareillon* (Francujo, Isère). — La delegitino loĝas dum la monatoj oktobro-julio en Nice.

*Kazan* (Rusujo). — Pro foresto de la Delegito dum junio ĝis fino de aŭgusto oni sendu ĉiujn korespondaĵojn al: S-ro S. Kovalevskij, Kasatkina ul. 24 Kazan.

## Eksiĝoj.

*Berlin-Weissensee* (D: Dick); *Funchal* (D.: Andreason); *Haapalahti-Eno* (D.: Räty); *Kiev* (VD.: Romanenko); *Kilmarnock* (D.: Craig); *Llainflair* (D.: Theodore); *Miller* (D.: Nicholas); *Minsk* (D.: Niedziedzki); *Philadelpkia* (VD.: Test); *Sennheim* (D.: Sontag).

## Esperantiaj Entreprenoj (por la jaro 1913).

(Sekvo.)

287. *Plauen i. Vogtl.*, Esp. Grupo, Loka Grupo de G. E. A.
288. *Dijon*, Firmo Terrot & K-io fabriko de cikloj kaj aŭtomobiloj.
289. *Dijon*, Esp. Grupo.
290. *Gefle*, Esp. Grupo.
291. *Bologna*, Itala Katedro de Esperanto.
292. *Worms*, Esp. Grupo. E. A.
293. *Beauvais*, Esp. Grupo.
294. *Godesberg*, Esperanto Asocio „Godea".
295. *Amiens*, Esp. Grupo.
296. *San Pier d'Arena*, Esperanto Societo.
297. *Nevers*, Esp. Grupo.
298. *Tarragona*, Esp. Grupo.
299. *Leipzig*, Internacia Asocio de la Esp. fervojistoj.
300. *Graz*, Stiria Esp. Societo.
301. *Cincinnati*, „La Esperanto Fratoj".
302. *Marseille*, Grand Hôtel du Louvre et de la Paix.
303. *Chemnitz*, Esp. Grupo „Antaŭen ĝis la venko."
304. *Praha*, Esp. Sekcio de Akademia Klubo.
305. *Kraków*, Societo Esperanto.
306. *Kraków*, Hôtel de France.
307. *Kraków*, Hôtel „Belvédère".
308. *Kraków*, Librejo „Ksiegarnia polska".
309. *Breslau*, Urbkomunumo.
310. *Paris*, Int. Katolika Unuiĝo Esp.
311. *Kopenhago*, Centra Dana Esp. Ligo.
312. *Paris*, Lingvo Internacia.
313. *Paris*, Juna Esperantisto.
314. *Paris*, Presa Esperantista Societo.
315. *Paris*, Sekcio de Latina Kvartalo.
316. *s'Hertogenbosch*, Nacia Ekspozicio de Mezepoko.
317. *Eu*, Esp. grupo.
318. *Peterburg*, Universitata Esp. grupo, „Unuiĝo".
319. *Peterburg*, Esp. sekcio de l'kleriga Societo.
320. *Elberfeld*, Wicküler-Küpper-Bierfarejo.
321. *Elberfeld*, Esp. grupo.
322. *Bromberg*, Esp. grupo, loka grupo de G. E. A.
323. *Wurzen*, Esp. grupo „Neniam malantaŭen".
324. *Oldenburg*, Esp. grupo, „Bluruĝa".
325. *Craponne sur Arzon*, Union Universelle pour la Fabrication et la vente des véritables dentelles Cottier.

326. *Danzig*, Esp. grupo. Loka grupo de G. E. A.
327. *Danzig*, Otto Haucisen, marcipanfabriko.
328. *Hamburg*, Esp. Societo „Verda Stelo."
329. *Hamburg*, Unua Esp. grupo.
330. *Hamburg*, Esp. Societo „Progreso".
331. *Frankfurt a. Main*, Esp. grupo.
332. *Chemnitz*, Patentoficejo de Paul Fabian.
333. *Hanau a. Main*, Esp. grupo.
334. *Tunbridge Wells*, Esp. grupo.
335. *Debreczen*, Vegetara Ligo Esperantista.
336. *Le Havre*, Havra Esp. Komercejo.
337. *Heliopolis*, D-ro. H. Šipek.
338. *Langnau*, Internacia Instituto por knaboj.
339. *Terrasson*, Fleury de la Ruelle. *(Daŭrigota.)*



# PRAKTIKAJ DEMANDOJ

IV

6. *Pri la organizo de Esperantiaj Karavanoj.* — Okaze de la aranĝo de la diversaj alkongresaj kaj postkongresaj karavanoj, ni opiniis utile, peti de la aranĝinto de unu el la sukcesaj lastjaraj karavanoj, S-ro L. Poncet, ke li redaktu koncizan gvidilon de la karavanestro. Niaj legantoj kun profito legos tiujn liniojn, precipe tiuj personoj, kiuj dezirante aranĝi karavanojn, pro manko de sperto, ofte estas embarasataj pri la plej taŭga agmaniero. — H. H.

* * *

Sukcesontan Esperantistan Karavanon ne povas organizi iu ajn Esperantisto sola. Estas nepre necese, ke li havu kunlaborantojn, aŭ almenaŭ korespondantojn, en la diversaj halturboj. La plej seriozaj korespondantoj, la plej utilaj kunlaborantoj, estas la Delegitoj de UEA. Sen la helpo de tiuj Delegitoj, mi opinias, ke estas neeble organizi bonan Karavanon. Kun tiu helpo, estas *Esperantia Karavano*. Mi parolos do nur pri tiuj Esperantiaj Karavanoj.

Antaŭ ĉio, estas necese, ke tiu, kiu intencas organizi Esperantian Karavanon, informu la C. O. de UEA pri sia deziro. La C. O. ekzamenos tiun proponon kaj akceptos aŭ malakceptos. Se ĝi akceptos, la Karavano fariĝos oficiala Karavano de UEA, kaj la C. O. rajtos ĉion kontroli.

Ne ĉiu kapablas organizi kaj direkti Karavanon. Krom specialaj ecoj, la Karavanestro bezonas tempon, multe da tempo. Koni la travojaĝotajn landojn estas utile; sed bone scii la lingvojn de la landoj estas *nepre necese*. Kompreneble, tiu, kiu organizis, devas ankaŭ mem direkti.

Ne malpli grava ol la elekto de la Karavanestro, estas la elekto de la deirpunkto. La Karavano devas foriri el grava urbo, kie loĝas la Karavanestro, kun facilaj poŝtaj rilatoj, kaj kie kuniĝos jam sufiĉe multaj Karavananoj. Tio tamen ne malhelpas dum la vojo akcepti aliajn Karavananojn. La deirpunkto devas esti sufiĉe malproksima de la celita Kongresurbo, ĉar Karavano estas utila nur por longaj vojaĝoj.

La Karavanestro devas mem elekti la vojon. Plej rekta vojo ne estas ĉiam la plej rapida; plej rapida ne estas ĉiam la plej interesa. La Karavanestro devas kunfandi tiujn tri ecojn: rekteco (por malkara prezo); rapideco (por nelaciĝo); intereseco (por plezuro). El tio rezultos pli multaj aliĝoj.

La Karavanestro devas elekti la halturbojn: ĉi tiuj kompreneble estu vizitindaj, sed ankaŭ oni povu facile loĝi en ili; la Karavananinoj ne ŝatas nokte vojaĝi. La elekto de la halturboj devas esti farata dum la studado de la horlibro de l'vagonaroj. Oni ne ekveturu antaŭ la 6a aŭ 7a horo matene. Oni ne alvenu post la 11a nokte. Oni ne devu manĝi dufoje en vagono la saman tagon. Post laciga veturo estu ripozanta urbvizito. Dum tiu vizito oni perdas multe da tempo; ĉiu manĝado postulas pli ol unu horon. Duonhoro da ripozo antaŭ kaj post manĝado estas dezirataj de multaj.

Se tio estas ebla sen plialtigo de la prezo, la Karavanestro organizu aparte la iron kaj la revenon (laŭ malsama vojo).

Kiam tiuj elektoj estas faritaj, la Karavanestro devas mem kalkuli la prezon de l'veturado; li ne fidu blinde la vojaĝajn agentejojn. Li kalkulu proksimume la aliajn elspezojn. Tiam la Karavanestro povas proponi projekton al la C. O. de UEA.

Se tiu projekto estas aprobita, oni povas eklabori ĝian efektivigon.

La C. O. de UEA sendas cirkuleron al la koncernataj Delegitoj de la halturboj, petante, ke ili helpu la Karavanestron, kaj publikigas en *„Esperanto"* alvokon anoncantan la studatan Karavanon, sen indiko de prezoj.

La Karavanestro devas informiĝi, ĉu li povos ricevi fervojan rabaton, kaj kun kiuj kondiĉoj. (En Germanlando kaj Aŭstrio, kvazaŭ neeble; en Franclando, Svislando, Belgolando, k. a., minimume 10 aŭ 16 Karavananoj.)

La Karavanestro sin turnu al la Delegitoj en la diversaj halturboj, al ili konigu la horojn de al kaj for-veturo, petu projekton de programo, demandu la ĝustajn prezojn de loĝado, manĝado, tramveturado, eniro en la muzeojn, k. a.

Kiam la Karavanestro estas ricevinta tiujn informojn, li redaktas detalan programon, kiu, post aprobo de la C. O. de UEA estas publikigata en *„Esperanto"* kaj presata sur aparta folio sendota al ĉiu informpetinto. Post la programo estas montrataj la precizaj prezoj de l'vojaĝo el ĉiu grava trapasota urbo. La Karavanestro devas tiel kalkuli la prezojn: fervojo, hoteloj kaj restoracioj (kun 10% da trinkmonoj), transporto de pakaĵoj el kaj al stacidomo, tram- aŭ aŭtomobil-veturadoj, eniro en muzeojn, k. t. p.; al tiu sumo li adicias proksimume 5 aŭ 8% por la neantaŭvideblaj elspezoj; tiu procento ankaŭ sufiĉos por la korespondelspezoj.

En tiu programo ĉio devas esti tre klare redaktita, kaj tamen ofte la aliĝontoj ne atentas pri kelkaj detaloj eĉ gravaj; paciencegon bezonas la Karavanestro! Pri la pakaĵoj, li petegu, ke la sinjorinoj ne kunprenu tro pezajn valizojn (kiujn la sinjoroj devas porti dum la vojaĝo!). Li fiksu maksimuman nombron da aliĝontoj, kaj difinu templimon por la aliĝoj, tiamaniere, ke li povu ilin akcepti ankoraŭ du tagojn post la dirita limo, ĉar la Esperantistoj kutimas malfruiĝi. La Karavanestro memoru, ke li devos, almenaŭ 5 tagojn antaŭ la alveno, mendi en la hoteloj la precizan nombron da ĉambroj.

Kompreneble aliĝo estas plenvalora nur, kiam la Karavanestro estas ricevinta la ĝustan tutan sumon, kies kvitancon (kun ŝtata kvitancmarko) li sendas al la aliĝinto.

Al ĉiu, se necese aparte, la Karavanestro devas difini precizan rendevuon. Se vojaĝonto ne ĉeestas la rendevuon, li povas perdi ĉiujn plendrajtojn. La Karavanestro ne akceptu esti kulpigebla en okazo de persona akcidento aŭ de perdo de pakaĵo; sed tion li konigu per la cirkuleroj.

Kompreneble, ĉar estas Esperantia Karavano, oni devas akcepti nepre nur Esperantianojn, kiuj devige surhavas la oficialan insignon de UEA. Sufiĉatempe la Karavanestro sendas al ĉiu aliĝinto kelkajn specialajn surskribetojn, kiuj devos esti gluitaj sur ĉiu pakaĵo (oni povas uzi la ordinarajn surskribetojn de la Kongreso, se ili estas trastrekitaj

per larĝa kolora linio). Samajn surskribetojn gluos la Karavanestro dum la vojaĝo sur la vitrojn de l'vagono.

Tamen nenio malebligas, ke oni akceptu neesperantistojn, kondiĉe ke ili pagu 1 Sm plie por kotizaĵo al UEA. Por instigi la aliĝon de tiuj neesperantistoj, estas tre bone presigi anoncojn pri la vojaĝo en la naciaj gazetoj. Cetere tio estas unu el la plej bonaj propagandoj por UEA.

La Karavanestro devas kalkuli, kiom da fremdaj moneroj li bezonos dum la vojo, kaj antaŭe ŝanĝi la necesan sumon; ĉar en la halturboj eble li ne havos tempon por tio.

Antaŭ la forveturo, ĉio devas esti preta, ĉar dumvoje estas tre malfacile labori.

*(Daŭrigota).* *L. Poncet* (Del. Lyon).

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — S-ro W. P. Cnossen, Del. en De Jutryp, kun F-ino Hoatske A. Vlink.

**Morto.** — Ni kun doloro eksciis la morton de S-ro D-ro A. Niedzwiedzki, Del. de UEA en Minsk (Rusujo). La mortinto estis dum la tuta vivo vere sinoferema laborulo. Li neniam rifuzis sian kuracistan helpon tage aŭ nokte, kvankam li mem havis tre malfortan sanon. La plej peniga estis tiu ĉi morto por la malriĉuloj, por kiuj D-ro N. estis ĉiam afabla kaj amoplena. Grandega popolamaso sekvis lian ĉerkon. S-ro N. estis fervorega Esperantisto kaj amiko de UEA.

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas!

∴ S-ro *P. Blöndal,* Del. en Hunavatnssyslu (Islando) proponas, ke la Delegitoj de UEA portu kiel oficialan insignon apartan ĉapon blankan, ĉirkaŭumitan per verda rubando kun verda stelo en ronda blanka funda.

∴ S-ro *M. de Balzac,* Del. en Torino, proponas, ke UEA sendu al ĉiuj membroj senpage monatan oficialan bultenon nur unufolian. „Tio estas la plej bona rimedo por la konservado de multaj aliĝintoj, kiuj, ne pretaj je la abonpago al *Esperanto,* malinteresiĝas pri nia Asocio, kiu ilin perdas."

[Respondo: Laŭ proksimumaj kalkuloj la realigo de tiu propono kostus: *a)* Presigo de 12 monataj bultenoj: 1200 fr.; *b)* Forsendo de 12 monataj bultenoj je 6000 membroj (Fr. 0,05 × 6000 × 12) 3600 fr.; *c)* Redaktado, administrado, k. t. p. 600 fr. Entute *5400 fr.* Efektivigante tiun proponon UEA enŝoviĝus en novan periodon de deficitoj. — *Dir.*]

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *G. Lelarges,* Esp-iano en Poitiers (Francujo) komunikas al ni la jenan leteron:

„Mi petas de via afableco la permeson uzi la oficialan organon de UEA kiel perilon por adresi mian koran dankadon al ĉiuj afablaj kaj sindonemaj gesamideanoj, kiuj helpadis min dum mia trimonata vojaĝo en Germanujo per Esperanto. La unuan dankon mi ŝuldas al Ges-roj Steinberg, Del. en Göttingen, kiuj gastigis min en sia hejmo dum du monatoj kaj instruis al mi la germanan lingvon per Esperanto — al S-ro Junker, Esp-iano en Köln, kiu min akceptis ĉe mia unua paŝo en Germanujo kaj elsavis min el komplikitaj malhelpaĵoj pri lim-imposto, pligravigitaj de nacilingva nekompreno; — al S-ro Schiff, prezidanto de la „Esperanta Gruparo Berlina", al S-ro Vortisch, prezidanto de la „Esperanta sekcio en la liberstudentaro de la Universitato", al S-ro Gebhardt, sekretario de la „Esperanta societo Merkur" pro grandvalora helpado kaj gvidado dum mia restado en Berlin. Mi same tre dankas S-ron Mangelsdorf, la afablegan redaktoron de „Germana Esperanto-Gazeto" kaj lertegan ŝakludiston, S-ron Hoen, redaktoro de la „Informanto", k. c. en Magdeburg pro la varma kaj gastama akcepto kaj urbvizitigo; S-rojn Roever, Del. UEA, Sarstedt, kaj ĉiujn aliajn geakceptintojn pro la ĉarma vespero, kiun ili pasigis al mi en Hannover. Dankojn al S-ro Hederich, patentadvokato, kaj al la afablaj gekursanoj en Kassel pro la amika akcepto en Kafejo „Zeppelin". Tute specialan dankadon mi ŝuldas al S-ino kaj S-ro Barthel, prezidanto de „Esperanto Framasona", en Frankfurt am Main, pro ilia gastemeco kaj pro grava servo, al S-roj Fricke, Del. UEA, Kreutz, sekretario de la Grupo, al la afablaj gemastroj de l'„Esperanto-Hotelo" k. a. pro bonaj servoj dum restado en Frankfurt.

Mi dankas ankoraŭ pro afabla respondo al vojaĝaj informoj kaj pro anoncenpresigo S-ron Pfaff, Del. en Worms, S-ron E. Vollmer, Del. en Mannheim, S-ron Tarnov, Del. en Barmen, S-ron H. Tressel, Del. en München, S-ron H. Bode, Del. en Karlsruhe, S-ron Christaller, Vicdel. en Stuttgart.

Unuvorte, dum mia peresperanta vojaĝo, mi ĉiam kaj ĉie renkontis la plej amikan akcepton de ĉiuj gesamideanoj; kaj en ĉiu urbo, kie mi antaŭsciigis mian alvenon, min afable atendis ĉe la stacidomo kelkaj verdsteluloj por min gvidi kaj vizitigi la urbon. Sed tiun altvaloran ĉiutagan helpadon, kiun mi trovis ĉe la Delegitoj de UEA, mi ŝuldas al la bona kaj plena organizo de UEA, kies praktikan utilegecon unu fojon plie mi estas kontenta tre laŭte laŭdi.

∴ S-ro *Renaud Richez,* Del. en Fresnes-Nord (Francujo) kore dankas S-ron Finez, Del. en Dover, pro lia akcepto ĉe sia alveno en Dover, konduko tra la urbo kaj helpo por aĉeto de fervojaj biletoj. Li esprimas sian dankemon al ĉiuj britaj geesperantistoj kaj geesperantianoj, kiuj tiel frate agrabligis lian restadon ĉe la sukcesplena 6a brita Kongreso en Eastbourne kaj Hastings. S-ro Richez kvankam nesciante la anglan lingvon renkontis dum sia vojaĝo neniun malhelpon dank'al Esperanto kaj la servoj de UEA.

∴ La *16 Britoj,* kiuj vojaĝis de la Eastbourne Esperanto-Kongreso al Rouen, korege dankas la Rouen' an Del. de UEA Sro Etard, kaj ankaŭ la Prezidanton kaj Vicprezidanton de la Rouen Esperanto-Grupo kaj ĉiujn afablajn Esperantistojn de la bela urbo, por la tre kora akcepto. Inter la vizitintoj troviĝis Kolonelo J. Pollen, prezidanto de la B. E. A. Kolonelo Robinson de Eastbourne, kaj UEA-Delegitoj de Chorley, Hastings, Grange-over-Sands kaj Letchworth. — F. A. G.

# Alvokoj

## Framasonoj de ĉiuj ritoj

Dum la Naŭa Kongreso de Esperanto en Berno (24—31 Aŭgusto 1913) ankaŭ kunvenos la ĉeestantaj framasonoj en specialaj kunsidoj. La kunvenoj okazos (verŝajne la 30 Aŭgusto) en la loĝiaj lokaloj de la Berna loĝio. Tiu-ĉi kunveno pro tio estos gravega, ĉar oni tute reorganizos la ĝisnunan societon *„Esperanto Framasona"* donante al ĝi pliampleksajn taskojn *„Universala Framasona Ligo"* estos unuiĝo de Framasonoj de ĉiuj ritoj kaj landoj (kotizo Sm 1.—) kiuj deziras pliintimigon de l'reciprokaj rilatoj. Esperanto fariĝas la oficiala lingvo de la ligo. Do povas aliĝi ne nur Esperantistoj sed ankaŭ aliaj FF., kiuj aprobas la altan taskon kaj celon de tiu ĉi societo. Framasonoj esperantistaj de ĉiuj landoj, venu multnombre al Berno kaj aliĝu al tiu grava internacia ligo! Pri detaloj kaj aliĝoj oni sin turnu al la Sekretario *Fr. C. Barthel,* Wöhlerstr. 14, *Frankfurt am Main.* Oni ankaŭ sciigu, ĉu oni venos al Berno aŭ ne.

PS. *Gazetoj Esperantistoj represu tiun ĉi alvokon!*

## Poŝtkarto Wagner

La Regensburga Esperanto-Rondo atentigas la legantaron de *Esperanto* pri la eldono de sia nova poŝtkarto por la festa starigo de la busto de Richard Wagner en la Valhalo.

Unuopaj ekz. afranke sendotaj estas haveblaj de la ĉitiea grupo kontraŭ respondkupono; 10 ekz. 5 respondkuponoj; 25 ekz. 1,03 Sm; 50 ekz. 1,95 Sm; 100 ekz. 3,41 Sm.

*H. Reuss* (Vicdel. Regensburg).

## Alvoko al Studentoj

La Dijona Esperanto-Asocio ĵus reeldonis kun la morala kaj mona helpo de la Patrona Komitato por Fremdaj Studentoj kaj de la Iniciata Sindikato (esperantiaj entreprenoj) Universitatan gvidfolion, kiu estos ĉien dissendata kaj disdonata per la zorgoj de Delegitoj de UEA, kun la turisma gvidfolio kaj plano de Dijono jam eldonita antaŭ du jaroj.

Ni uzas la okazon por rememorigi, ke la Dijona Universitato estas inter la unuaj en Francujo, kiuj akceptis la fremdajn studentojn kiel vizitantojn de la normalaj kursoj de la Fakultatoj de Leĝoscienco (tre fama), Literaturo, Sciencoj, de la Alta Lernejo de Medicino kaj Farmacio, kaj de la Instituto de Enologio (Vinscienco), ne postulante de ili iun ajn diplomon. Sed la ĉefa sukceso de la Dijona Universitato estas la kursoj pri franca lingvo, kiuj, ĉefe dum libertempo (de la 1 julio ĝis la 1 novembro) estas vizitataj de pluraj centoj da ĉiulandaj studentoj. En tiuj kursoj la esperantistoj estas speciale bonvenataj. Oni memoru, ke la Rektoro, S-ro Boirac, estas prezidanto de la Esperantista Akademio kaj ke la dekano de la Literatura Fakultato, S-ro Ch. Lambert, ĉeforganizinto de la kursoj, estas eminenta esperantisto. Cetere, jam multaj esperantistaj studentoj de Polujo, Rusujo, Anglujo, Germanujo, Bulgarujo jam venis por lernadi en Dijono. Ili estas en la stacidomo kaptitaj de la Del. de UEA, kiu kondukas ilin al taŭgaj loĝejo kaj restoracio, faciligas iliajn instalon kaj unuajn interrilatojn kun la sekretariejo de la Universitato kaj prezentas ilin al la multaj Dijonaj samideanoj, kun kiuj ili povas pli facile lerni pri la francaj kutimoj kaj vivado, kaj ekzerciĝi en la parolado de la franca lingvo. Oni bonvolu noti, ke, laŭ speciala paragrafo de la regularo, ĉiu membro de UEA, loĝanta en Dijon, estas samtempe membro de la Dijona Esperanto-Asocio, sen plua kotizaĵo.

Por ĉiuj pluaj informoj, oni skribu al la Del. de UEA en Dijono, S-ro Th. Rousseau, 37, rue J.-Bte Baudin, kiu sendos senpage la universitatan kaj turisman gvidfoliojn.

## Meissen

Unu el la plej malnovaj urboj de Saksujo estas Meissen, sidanta en ĉarma monteta pejzaĝo kaj kronata de la mezepoka reĝa kastelo „Albrechtsburg" kaj de rimarkinda katedralo. Meze de la urbo troviĝas la mondfama porcelan-manufakturo, la unua de sia speco en Eŭropo. La „*Verkehrsverein*" eldonis kvinpartan prospekton, verkitan en germana, franca, angla, rusa kaj esperanta lingvoj.

Samideanoj! En intereso de nia afero petu la senpagan, bele ilustritan prospekton, de la „*Verkehrsverein*" aŭ de la Delegitino, S-ino Simmank, Meissen, Baderberg 6, II.

RIČANY (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Em. Batek, Pl. (kun ĉiuj landoj, precipe kun Japanujo, Hindujo k. t. p. pri popolkantoj kaj lernejoj, li disvastigas ankaŭ komercanoncojn kaj kolektas por esp. ekspozicio diversajn gazetojn, gvidfoliojn, vidaĵkartojn k. t. p.

RJAZAN (Rusujo). — S-ro M. Cimbalisty, PM. en granda kvanto, unue ne sendas, por multe da PM. sendas rusajn jubileajn. Bazo-Yvert et Tellier 1913 (kun ĉiuj landoj).

SABADELL (Hispanujo). — F-ino P. Rons, Gorrea 30, Pl. (kun ĉiuj landoj). — S-ro B. Corderas, Anĝel Gimera 15, Pl. (kun ĉiuj landoj).

ST. STAROPAVLOVSKAJA (Rusujo). — S-ro V. Pimenov, Mariinskoje poĉt. otd. Terskoj obl. Pl. bfl. (kun ĉiuj landoj).

STUTTGART-CANNSTADT (Germanujo). — S-ro Chr. Mozer, Karlstrasse 107 (kun ĉiuj landoj, precipe ekstereŭropaj).

TOBOLSK (Siberio). — S-ro Paŭlo Novoselov, Gereselenĉeskoje Upravlenje PK. L. (kun alilanduloj).

UCCLE (Belgujo). — S-ro F. Philippens, profesoro, 59, rue Vanderkindere, Pl. PM.

VOLOKOLAMSK (Rusujo, Mosk. gub.) — F-ino Nina Roĵkova, dom. T. F. Ĉuĉkovoj PK. L.

VOLSK (Rusujo, Sarat. gub.) — S-ro A. Kirsanov, Duĥovno uĉilišĉe, Pl.

WIEN (Aŭstrio). — S-ro Frant. Čepek, XVI Liebhartgasse 55-I-3, PK.

WISLA (Austrio, Silezio). — S-ro Pilch, Pl. L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU BICIKLISTOJ! — Uzu „Lucifer" aŭtomata densigilo por pneŭmatikoj (aertuboj), leĝe protektita, prezo 0,500 Sm. afrankite. Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde (Germanujo, Saksujo).

AVIZO. — S-ro E. I. Nicolau, Del. de UEA en Bukareŝti, translokiĝis al Ploeŝti, str. Barcaneŝti 18.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Postulu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Franclando.

FRANCA STUDENTO en Juro, diplomita pri Esperanto, serĉas „au pair" restadon aŭ oficon dum kelkaj monatoj en Germanujo aŭ en germanlingva lando. — Plezure instruas francan lingvon. — Gaston Lelarge, 44, rue de la Cathédrale, Poitiers (Vienne, Francujo).

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

LERNLUDO ESPERANTA. — Bonega ilo por komenculoj kaj progresuloj dezirantaj bone lerni nian karan lingvon. Sendu senprokraste poŝtmandaton aŭ ĉekon de unu spesmilo al Eldonejo Esperantista, adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando.

MŒRKERK-POŜTKARTOJ. — Artistaj Esperantaj Poŝtkartoj, eldonitaj de la Esperantista grupo en 's-Hertogenbosch. Prezo: Sm. 0,220 por 5 ekz. afr. Por pli grandaj mendoj rabato. Adreso: J. Pastor, Poŝtkesto 5, 's-Hertogenbosch (Nederlando).

NATURADORANTA junulo serĉas familion en Svisujo aŭ ĉe marbordo en bela kaj sana loko. Kiu akceptas lin kiel pagantan gaston de 15 junio ĝis 15 septembro? Adreso: Ludoviko Ihasz, Budapest I, Bors str. 5 (Hungarujo).

POSTULU TUJ la belan ilustritan gvidlibreton tra la reĝa urbo Plzen, Bohemujo, kiu baldaŭ aperos. Ĝin sendas senpage Cizinecká kancelár (Fremdula oficejo) en Plzen, Bohemujo.

STENOGRAFISTINO-MAŜINSKRIBISTINO, scianta flue la anglan, francan kaj esperantan lingvojn, estas bezonata en Londona oficejo. Sendu plenajn detalojn pri aĝo, sperto kaj salajro dezirata al L. L. ce Hymans & Ko., 69, Hatton Garden, Londono E. C. Anglujo.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO